VIa jaro. — No 71 Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) 5 Februaro 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*

ABONO

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . 1,60 Ş (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo : *10, rue de la Bourse*, GENÈVE (Svisujo).



## Dum la lasta duonmonato

La nombro de la Delegitoj de U. E. A. jus atingis 800.

La Iniciata Sindikato en Grenoble (Francujo) decidis eldoni, sub la aŭspicioj de U. E. A., ilustritan gvidlibron de « Dauphiné » je 10.000 ekzempleroj, en Esperanto.

### ESPERANTIAJ DEMANDOJ

## La Distriktaj Delegitoj

La voĉdonado de la Delegitoj de U. E. A. antaŭ kelka tempo sankciis la deziresprimon de ilia kunveno dum la Barcelona Kongreso, rilate al la kreo de distriktaj Delegitoj. Ĉar estos tuj komencata la realigo de tiu decido, konvenas nun fari kelkajn rimarkojn pri la rolo, kiun laŭ la opinio de la iniciatintoj de la propono devas havi la distriktaj Delegitoj.

Unue pri la vorto distrikto. Distrikto estos nomata ĉiu teritorio sufiĉe granda, kiu havas komunajn interesojn el vidpunkto ekonomia, komerca, turisma aŭ eĉ historia. La distriktoj havos inter si relativan egalecon de amplekso kaj graveco.

Ili plej ofte respondos al la malgrandaj landoj dum la grandaj landoj havos plurajn distriktojn, kiuj laŭeble koincidos kun iliaj ĉefaj dividoj. Ekzemple, Holando, Svisujo, Danujo, Bulgarujo formos nur unu distrikton, dum Germanujo kaj Francujo havos kelkajn, kiel Bavarujo, Saksujo aŭ Burgonio, Provenco. Laŭ ebleco la distrikta teritorio respondos al la regionaj federacioj aŭ ligoj Esperantistaj.

Memkompreneble oni ne tuj povos formi distriktojn en ĉiuj landoj ; oni do komencos kie tio estas ebla, t. e. kie nia Asocio estas plej disvastigata, sed oni povas esperi, ke rapide la plej multaj landoj estos distriktigataj.

Laŭ la Statuto mem, la Delegitoj elektas inter si la distriktan Delegiton. Komence, ĉi tiu ne havos tre grandan administran taskon, ĉar por la bonordo kaj ĝis la distriktaj Delegitoj estos pruvintaj sian taŭgecon, la Delegitoj kiel nun daŭros senpere rilati kun la centra oficejo de U. E. A. pri ĉio, kio koncernas la administradon kaj la ordinarajn servojn. Sed la distrikta Delegito nun havos ĉefe propagandan kaj eksteran taskon. Li unue penos diskonigi nian Asocion kaj ĝiajn servojn ĉe la distriktaj gravaj rondoj ; li varbos novajn Delegitojn en la lokoj, kie nia Asocio ne estas ankoraŭ reprezentata ; li ofte rilatos kun la Delegitoj de sia regiono por scii, kiel en ilia regiono antaŭeniĝas la Esperantia movado kaj li speciale por tio alcentrigos la raportojn de Delegitoj ; li en gravaj okazoj reprezentos nian Asocion antaŭ la aŭtoritatoj de sia teritorio, k. t. p. Oni konstatas, ke eĉ reduktita al tiuj punktoj, la rolo de la distrikta Delegito tamen estas sufiĉe grava kaj delikata. Ĝi postulas iun, kiu bone scias la funkciadon de U. E. A, ĝiajn principojn, kiu pro sia jama partopreno en movado Esperantista konas niajn Delegitojn kaj havas sufiĉe da tempo.

Unu el la espereblaj bonajoj de tiu nova organo konsistas en tio, ke ĝi plimultigos la rilatojn inter samdistriktaj Delegitoj kaj estos embrio de serioza Esperantia distrikta vivo. Por komenci, la Administra fako tuj komencos la starigon de rondirantaj distriktaj kajeroj. Tiuj kajeroj rondiros inter ĉiuj Delegitoj de sama distrikto ; en ilin la Delegitoj skribos raportojn pri sia loka agado, elmetos proponojn pri la pliprosperigo de U. E. A. en la distrikto ; ili intersanĝos ideojn kaj opiniojn. Tiu sistemo de rondirantaj kajeroj jam montriĝis tre taŭga en aliaj rilatoj kaj estos espereble, ke ĝi ankaŭ tie donos bonajn rezultatojn. Dank'al ĝi la Delegitoj lernos unu de la alia kaj iom post iom interkonatiĝos, kaj — kio estas plej grava — anstataŭ disigi siajn fortojn inter multaj negravaj movadoj kaj entreprenoj, en kio kuŝas la ĉefa danĝero de nia afero, ili pli kaj pli estos interesataj en U. E. A. kaj agados interne de ĝi, laŭ ĝiaj principoj. Post du aŭ tri rondiroj, la Delegitoj povos tiam elekti distriktan Delegiton.

Ĉiu facile komprenas, ke tiu institucio de distrikta Delegito fariĝos ĉiam pli grava. Oni povas antaŭvidi, ke en pli-malpli frua tempo, la distriktaj Delegitoj estos helpataj de distriktaj konsuloj, kiuj plenumos la saman rolon kiel ili, rilate al la regionaj konsuloj, ke ĉe la urbo de la distrikta Delegito stariĝos distrikta Esperanto-Oficejo bone provizita kaj al kiu niaj membroj povos sin turni por ĉiuj Esperantiajoj, ke la distrikta Delegito iam havos oficistojn por plenumi la materialan laboron, ke la distrikto, anstataŭ la loko, ludos la ĉefan rolon en nia Asocio. Tiuj demandoj estas ankoraŭ frumaturaj. La unua paŝo estos la kreo de distriktaj kajeroj ; la dua paŝo estos la elekto de la distriktaj Delegitoj. Nur post kelktempa eksperimentado, la faktoj mem montros, ĉu la institucio de la distrikta Delegito estas pligrandiginda kaj laŭ kiu direkto.

H. HODLER,

*Komitatano de U. E. A.*

## SOCIA VIVO

### KOMERCO

#### Helpilo de eksporto en Aŭstrio

De kelka longa tempo oni parolis denove en la Aŭstria industria konsilantaro pri la subteno de eksporto. D-ro Riedl raportis kiel reprezentanto de registaro Aŭstria pri la ĝis nun akiritaj spertoj kun eksporta agado kaj pri la principoj, laŭ kiuj la registaro plue volas direkti sin ĉe la daŭrigo de tiu ĉi agado.

La sperto, kiu estis farita kun junaj homoj, elsenditaj en fremdujon per apogo de registaro, estis entute kontentiga. Tiuj ĉi senditoj (nombre 36), atingis spezon da 19 milionoj da kronoj de aŭstria komercajo. Estos necese por estonto tiun ĉi institucion pli bone aranĝi, por ke estu ekspluatataj unuflanke pli efektive la servoj de subtenataj elsenditoj, aliflanke, ke ne estu difektataj pli malnovaj rilatoj. Estus ebla unuigi industriistojn laŭ fakoj aŭ laŭ debitejo (vendlokoj), tiel, ke la elsendito gajnus pli interesoplenan agadejon. Estos necese estonte efektivigi la tutan eksportan agadon pli sisteme kaj plane, kaj estos por tiu ĉi celo ankaŭ necese, ke la korporacioj kaj organizoj sin dediĉantaj jam hodiaŭ al tiu ĉi tasko iru antaŭen unuanime. La registaro intencas krei novan organizaĵon, kiu tion efektivigos kaj sekve de tio estos ankaŭ reorganizota la aŭstria komerca muzeo.

Koncerne stipendiojn por komerclernejaj abiturientoj ili devas esti por estonteco permesataj ne sole al tiuj ĉi sed ankaŭ al teknikistoj, kaj tiel ke la stipendio sufiĉu kompensi elspezojn de vojaĝo kaj de unujara restado en fremdujo.

Fine estas necese reveni al malnova projekto de transmara aŭ eksporta banko, kiu efektivigus ne nur maklerigon (perigadon) de pagoj k. t. p., sed kiu povas veki pli grandan partoprenon de aŭstria kapitalo en fremdaj pruntoj kaj grandaj en negocioj en fremdujo, precipe por akirigi grandajn mendojn.

La industria konsilantaro okupos nun sin je tiu ĉi registara programo kaj oni povas atendi, ke la agado por la helpo de eksporto kiu estas refoje ĉe ni, eniros denove inter la aferoj publike pritraktataj.

Neniam malutilos denove sin okupi per tiu ĉi demando, ĉar oni devas per ĝi veni ĉiam al konvinko, ke ne sufiĉas subtenadi la klopodojn, kiuj celas la eksporton, se ne estas pli frue donitaj ĉiuj kondiĉoj por ĝenerala ekspordkapableco de industriajoj.

Em. Batek (Ricany).

Tradukis el Praga « kuriro ».

### GEOGRAFIO

#### La Mateo aŭ herbo de Paragvajo

Al la produktajoj de Brazilujo, malmulte konataj kaj preskaŭ ne konsumataj ekster Sudameriko, apartenas la mateo. Oni ricevas tiun ĉi teon el la folioj kaj peciolo] de l'arboj el la speco Ilekso, familio de l'Akoifoliaceoj (ŝelkreskaĵoj), precipe je Ilekso paragvaja. Ilekso paragvaja estas arbo bele formata de densa foliaro, havanta longforme stumpajn kaj dentajn foliojn, ĝi atingas 3-8 metrojn da alteco kaj troviĝas ofte en la arbaroj sur la montaroj de l'sudbrazilaj ŝtatoj Paranao, Sankta Katarino kaj Rivero Granda de l'Sudo. Komence de Majo la loĝantoj de l'arbaro komencas la subtranĉadon de l'arboj, kion oni povas ripeti ĉiutrijare je la sama arbo. La folioj kaj trunketoj kolektitaj estas en la arbaro singardeme subrostataj super viva fajro, poste sekigataj sur plektaĵo farita de detranĉaĵoj de junko, kaj fine oni plimalgrandigas ilin per tranĉilegoj sur la fundo de l'arbaro kovrita de bovfeloj aŭ ankaŭ de filikoj. La herbistoj pleniĝas nun junkorbegojn je sia produktaĵo, kiun ili transportas sur muloj al la komercejoj aŭ al la herbmuelejoj, kio postulas ofte tre grandajn vojaĝojn. La muelilo] pistas la mateon, senigas ĝin je ĉiu ligno kaj plibonigas tiamaniere la kvaliton de l'komercaĵo.

Bedaŭrinde oni ne indulgas dum la senfoliigado la utilajn arbojn, kaj la fabrikado ankoraŭ estas tiel primitiva kiel iam en la misiejoj de l'jezuitoj dum la 16a centjaro, sed la penadoj kreskontaj ankaŭ tie ĉi por la ekzistado kaŭzos pli racian kulturigon de l'arboj kaj pli bonan procedon de fabrikado.

Oni trinkas mateon precipe en Brazilujo, Argentino, Urugvajo, Paragvajo kaj Ĉilio kaj ne malmultan, ĉar 1899 nur Paranao eksportis 22.000.000 kilogramojn. Ĝia prezo estas laŭ kvalito 160-280 realojn = 10-18 Sd. po kilo.

La mateo havas efikon ekscitantan, multigas la energion de l'organoj ne posedante la malutilojn de l'multe pli kara ĥina teo, alkoholo k. c., liverante do la plej profitan trinkaĵon par la laborantoj. Plie, la matetrinkuloj ne emas alkoholaĵojn, ankaŭ ne sentas la foreston de l'ĥina teo kaj de l'kafo, ĉar tiuj ĉi ne havas pli bonan guston ol mateo, kiun oni trinkas preskaŭ ĉiam sen ia aldono.

Tie ĉi oni uzas malplenan kabason (botelforma kukurbo), el kiu oni suĉas la varmegan infuzaĵon de mateo per tubeto havanta suĉilon sur la supro. Elsuĉinte la teon, oni verŝas ree (tri-kvarfoje) akvon bolantan sur la mateaĵon, kaj malgraŭ tio la lasta infuzaĵo havas ankoraŭ agrablan guston. Cetere, oni ĝin povas trinki kun lakto kaj pretigi akurate kiel ĥinan teon aŭ kafon rostitan. Ĉiuokaze mateo estas malkara, bongusta kaj saniga ĝuaĵo, meritanta ĉiean akcepton kaj interesiĝontaj je tio trovos pli detalajn informojn de la priskribanto.

F. E. Thiébach (Del Sao Leopoldo).

#### La Prosperigaj asocioj en Svisujo

Laŭ la komunikoj entenataj en la « manvortaro de la svisa popolmastrumado » de Dro Ed. Platzhoff-Lejeune en « Lausanne » ekzistas nuntempe en Svisujo pli ol 100 prosperigaj societoj — ialoke ankaŭ nomitaj vojaĝoficejo, kuracloka unuiĝo, prosperiga komisiono, plibeliga societo k. t. p. — kiuj celas la materian kaj spiritan altigon de komunumo aŭ regiono kaj speciale sed ne ekskluzive servas la fremdulmovadon. Pli ol 70 el tiuj ĉi svisaj societoj disponas pri senpaga informejo, kiu estas parte aligita al aliaj publikaj institutoj (firmoj, bankoj) sed plejeofte ekzistas memstare en centra loko kaj okupas 1 ĝis 5 personojn.

La plej grandan prosperigan societon havas Baselo kun 2.000 anoj kaj jara buĝeto da 32.000 Sm. ; poste sekvas Zuriĥo kun 1.600 anoj kaj buĝeto da 20.000 Sm.

H. R. (Del. Basel).

#### Pri Nova Zelando. — Ĝia sintenado kontraŭ alkoholismo

Oni ne ofte aŭdas pri Nova Zelando, kaj eĉ multaj personoj ne scias pri ĝia ekzisto ; tial, kelkaj klarigaj vortoj pri tiu ĉi miriga kaj antaŭema lando eble donos al la Eŭropanoj ankaŭ ian ideon pri la « Duobla Insulo en la Pacifika Oceano », kaj neebligos la reokazon de la eraroj faritaj de tiuj eŭropanaj Esperantistoj, kiuj, korespondante kun Nov-Zelandanoj, adresigas siajn leterojn « Nova-Zelando, Australia » aŭ eĉ « Nova-Zelando, Anglujo » !

Nova Zelando nek kuŝas apud Aŭstralio ; ĝi estas malproksima de tiu ĉi lasta pli ol mil mejloj. N. Z nek apartenas ankaŭ al Anglujo ; ĝi estas sinrega kolonio angla, kaj konsistas el du longaj, mallarĝaj insuloj, nomataj « Norda Insulo » kaj « Suda Insulo », kaj enhavas enloĝantaron de unu miliono da homoj. N. Z. estas antaŭ ĉio paŝta kaj agrikultura lando, kaj ĝia « Prime Canterbury » ŝafaĵo estas konata tra la tuta mondo.

En politiko, Nova Zelando staras en la unua vico ; ĝiaj leĝoj estas la plej demokrataj en la mondo. Estas nenia maltrankviligo de la « Voĉdonrajtaj Postulantinoj », ĉar la virino jam havas la rajton voĉdoni ; estas malmulte da strikoj, ĉar la laboristoj povas prezenti siajn plendojn antaŭ la Arbitracia Kortumo ; kaj eĉ en kelkaj lokoj la ebrieco estas preskaŭ malaperinta, pro tio ke la vendado de alkoholo estas malpermesata.

Antaŭ kelkaj tagoj la Ĉefministro, Sir Joseph Ward (fama pro sia ofero de unu *Dreadnought* al la Brita Registaro), prezentis al Parlamento la Buĝeton por 1910, per kiu, inter aliaj aferoj, li proponas enkonduki leĝprojekton pri la forigo de la « Drink-Vendado » per tutlanda balotado. Ĝis nun la balotado estis en apartaj distriktoj, kaj por forigi la drink-vendadon en ĉiu distrikto, estis necese gajni plimulton de almenaŭ 60 % de la voĉdonoj ; sed laŭ la nuna projekjo, la balotado estos por la tuta lando, kaj oni nur bezonus 55 % da voĉdonoj por elpeli la drink-vendadon el Nova Zelando. Se tiu leĝprojekto sukcesos, Nova Zelando estos la unua lando en mondo kie oni malpermesas la vendadon de alkoholo.

Krom la supra propono, estas alia tre grava projekto, la enkonduko de deviga milita servado, laŭ kiu, ĉiu taŭga viro, inter la aĝoj 18 kaj 21, estos devigata partopreni dum kelkaj jaroj, en milita ekzercado. Tiu ĉi projekto estas multaloke favorata kaj kredeble ĝi fariĝos leĝo en la nuna sezono.

Suda Kruculo.

### ARTO

#### La varietea teatro iam kaj nun

Dimanĉon, la 5-an de decembro fariĝis la kvinan fojon la tago, en kiu la malnova imperiestra urbo sur Majno solene malfermis la Schumann-teatron. Aranĝante dum la lastaj tagoj en la direkcia oficejo la preparojn por la naskiĝtaga festo ŝajnis al mi kvazaŭ subite malfermiĝis tute mallaŭte la pordo kaj eniĝis stranga estaĵo. Historio kaj kroniko nomas ĝin la felietonistoj, sed mi nur volas modeste diri, ke ĝi estis la bela rememoro, kiu eble jam nin ĉiujn vizitis iafoje sur mallaŭtigaj plandoj dum horoj de agrabla rememorado.

Antaŭ mi ekaperis epoko jam de longe forgesita. La militjaroj 1870/71 estis preterpasintaj ; al la maltrankviliga timo kaj zorgo pro la centmiloj estis sekvinta la ĝojo pro la venko. Tiam estis fondita la fundamento por la varietea vivado ; ĉar nun post sufero kaj maltrankvilo la Germano ree volis esti gaja. Kaj kia arto pligajigas ol la varieteo kun siaj kalejdoskopecaj ŝanĝiĝaj bildoj ! Kiu laŭsence volas traduki la vorton « Varieteo » devas diri « Tutmonda arto ! ». Jen ĉirkaŭkaresas nin en varieteejo la ĉarma amkanto de artistino, jen kantas kruretoj dum rapidega turniĝado sian propran melodion, jen blekegas en la konfuzon de akrobataj artoj voĉoj de sovaĝaj bestoj, jen eksonas la montara 'jodlado'(*). jen forkondukas nin ia magiisto en la regnon de l'iluzioj, jen kondukas nin la biografo per rapideco de 200 kilometroj ĉirkaŭ la terglobon. « Deka muzo » oni baptis la varietean arton, sed neniu ankoraŭ ekpensis, ankaŭ doni nomon al ĉi-tiu « deka muzo. » Tio estas tre karakteriza por la varieteo. Ĉi-tiu arto ne bezonas kolektivan nomon same kiel tiuj servantaj al ĝi do estas sennomaj.

Kiel oni do nomis ankoraŭ tiam la artistojn post la militjaroj 1870/71 ? « Pauvres Saltimbanques ! » Kial ni devus honti pro niaj veturadoj de vilaĝo al vilaĝo, kial ne konfesi, ke la mizera sola tendo estis nia unua kaj sola arttemplo ? Kaj tamen venis al ni la homoj, tamen ni eble laboris pli kontente kaj pli ĝoje tiam, kiam kupro kaj nikelo estis ankoraŭ nia pago kaj arĝenta monero ŝajnis al ni kvazaŭ mirindaĵo. Tiam !... Mi ne volas enuigi per nomoj, sed la historio de « Pauvres Saltimbanques » konas nomojn kaj virojn, ne anstataŭitajn ĝis hodiaŭa tago, kvankam ili ne ricevis ministrajn salajrojn kiel niaj plej modernaj varieteaj eminentuloj, sed jam estis tre kontentaj kun kelke da spesdekoj en la poŝo. Demandu Otto Reutter'on, kie li komencis, li, eĉ tute ne apartenanta al la maljuna gvardio. En hejmeca restoracia ĉambro li komencis, ĝis kiam la hazardo lin suprenlevis al la alteco de l'gloro. Tiam ni estis ankoraŭ la « Parias » de l'vilaĝa strato eĉ ni estis nomataj kune kun ciganoj kaj almozpetantoj Tiam. . kaj tamen ni tramigradis nian straton, laŭ nia maniero anoncante la artevangelion de urbo al urbo, de loko al loko.

Ni preterpasigu kelkajn jardekojn en la libro de rememoro. La varieteo konsciiĝis sian forton kaj postulis sian propran ejon same kiel la teatra arto. De kurbaj vilaĝaj stratoj, de malpuraj foirejoj ĝi volis eniĝi en la interpuŝon de l'urbo, el la mallumaj muzikdrinkejoj kaj el mizera tola tendo en domon similan al tiuj temploj de l'arto, en kiuj « Talio » bone fartis kaj kunvenigis la plej bonajn de l'popolo. Tiamaniere naskiĝis la unuaj varieteaj konstruaĵoj, kiuj signifis la komencon de l'plej nova epoko de l'internacia varieteo. Jam estis vendintaj la pramajstroj de cirka arto la tolan tendon kaj estis starigintaj grandegajn konstruaĵojn, en kiujn la popolo amase eniĝis. Per la unua granda varietea konstruaĵo estis ankaŭ tuj forigita la romantismo de la migrada popolo, el la popolo sen daŭra restado kaj celo estis fariĝinta malgranda potencularo. La artistaj artoj festis sian renaskiĝon dum la naŭdekaj jaroj ; baldaŭ estis forigataj la limoj, pli frue, tiel ekzakte starigitaj inter varieteo kaj teatro, oni ne diris plu : ĉi-tie teatro, ĉi-tie varieteo, sed : teatro kaj varieteo. Al la komence modestaj varieteaj teatroj baldaŭ sekvis la grandegaj palacoj en Dresden kaj Muenchen, ĝis kiam en 1905 en Frankfurts. M. estis starigata la plej granda kaj ankaŭ plej bela varietea teatro de Germanujo, ja de l'tuta kontinento : La Albert-Schumann-teatro.

Unu punkto estu ankoraŭ citata : En Dresden okazis, ke la maljuna Saksa reĝo Albert trarompis la ĝisnunan tradicion... kaj iutage la varieteo fariĝis korteginda... La « Parias » de l'vilaĝa strato, iamaj « Pauvres Saltimbanques » estis atingintaj ĝis la brilo de l'kortego kaj de l'reĝaj kronoj. La allaso de l'varieteo al la kortego estis la tria kaj lasta ŝtupo en la evoluado de l'varieteo, atinginta hodiaŭ sian plej grandan altecon, kies estonta laboro konsistos el tio, konservi al si ĉi-tiun altecon. La veturilon de l'vilaĝa strato anstataŭas luksa vagonaro kaj oceana vaporŝipo, tiel ke la varieteo ĉirkaŭprenas la tutan mondon kaj ne estas pli la malantaŭa konkuranto en la regno de l'arto, sed aligita al la ĥoro de l'muzoj, kvankam sennoma, tamen ne kiel la lasta kaj plej malbona...

J. Seeth,

Membro de V. E. L., dir. de teatro Albert Schumann en Frankfurt a/M.

(*) Jodli = Germ. jodeln, france : ion(d)ler ; angle : jodl.

### PEDAGOGIO

#### Kongreso pri unuagrada instruado en Hispanujo

« La Barcelono Societo el Amikoj de la Instruado » kaj la « Societo de Oficialoj instruistoj el Barcelono », en somero de la pasinta jaro 1909a, interkonsen is fari kongreson pri unuagrada instruado por diskuti gravajn pedagogiajn aferojn, por koni diversajn opiniojn kaj por sendi al la Registaro utilajn kaj praktikajn konkludojn, kiuj sintezigus la komunan opinion el ĉiuj, kiuj preokupiĝas pri la progresado de la unuagrada instruado el Hispanujo.

Post longa kaj laborega preparado, la organiza komitato el la kongreso, kiun prezidis S-ro Asencio, oficiala instruisto el Barcelono, prezentis liston kun 22 temoj aŭ problemoj, kiuj devis esti diskutitaj. La temoj estis algrupigitaj en la sekvantaj fakoj :

1a Fako. Doktrinaj aferoj aŭ pri ĝenerala pedagogia karaktero. — 2a Fako. Organizado de la instruistaro. — 3a Fako. Higieno. konstruaĵoj kaj lerneja meblaro. — 4a Fako. Organizado kaj funkciado rilate al la unuagradaj lernejoj.

La disvolvado de ĉia temo estis komisiata al kleraj personoj kaj la organiza komitato restis flanke de politikaj kaj religiaj opinioj ; ĝi sole serĉis personojn kun pedagogia kompetenteco.

Al la kongreso unue sole enskribiĝis instruistoj kaj personoj interesataj pri la instruado ; sed en la unua duonmonato de la lasta decembro, la nombro de enskribitoj prigrandiĝis, speciale pro aliĝo de pastroj kaj individuoj apartenantaj al religiaj komitatoj. Tio jam pruvis, ke la kongreso ne efektivigus trankvile siajn taskojn.

La prepara kunsido okazis la 26a decembro 1909a, matene kaj estis tumultega. Tial ne ĉeestis al la solena inaŭgura kunsido, kiu okazis la proksiman tagon, la provincestro kaj aliaj aŭtoritatoj.

La 28a tago estis la unua plena kunsido de la kongreso kaj ankaŭ okazis skandaloj, speciale en la unua kaj kvara fakoj. En la kvara fako la skandalo okazis pro diro de la raportanto, ke pri « instruaj aferoj, Hispanujo estis je la sama alteco ol Turkujo ». En la unua fako estis malpaco pro manko da kapableco ĉe la prezidanto.

La kunsidoj de la 29a kaŭzis la foriĝon de la oficialaj instruistoj. La kaŭzo de tiu foriĝo estis ke oni ne povis diskuti trankvile kaj senpartie la temojn kaj religiaj personoj postulis aldonon, kiel konkludon je la temo, pri la aŭtonomio de la oficiala instruistaro, la sekvantan frazon : « respektante ĉiam la nunajn rajtojn de la pastraro. »

La oficialaj instruistoj en tiu ĉi tago, posttagmeze, faris kunigon kaj ili konsentis, per granda plimulto, sin apartigi definitive el la kongreso. Tial unuaj raportantoj eligis siajn temojn el la kongreso kaj aliaj ne volis diskuti kun la kongresanoj, kiuj restis en la kunsidoj de la kongreso.

La disiĝintaj instruistoj, dum la tagoj de la kongreso organizis paroladojn pri pedagogio en la Salono de la Normala lernejo. Tuj la instruistoj telegrafis al sia Ministro sian decidon, kaj ili publikigis manifeston, kie klarigas la kaŭzojn de sia apartiĝo.

La kongreso finis siajn taskojn la 2an Januaro 1910a kaj en la solena ferma kunsido ĉeestis neniu aŭtoritato. Estas ĝenerala opinio, ke tiu ĉi kongreso havas nenian valoron.

J. Montua (Barcelono).

### IDEOJ & FAKTOJ

#### Pri trostudado. — Ĉu la cerbo devas plenigiĝi ?

En antaŭnelonga nekrologio de Lia Moŝto Juĝisto Fitzgiblons estis cititaj kelkaj el liaj impresoj pri trorapida studado kiuj espereble interesos precipe la studemajn el nia legantaro. Trostudado alivorte estas la troa ekzercado de la spiritaj kapablecoj por gajni scion bezonotan nur kelktempe. Dum sia tuta vivo li englutis siajn instruaĵojn kaj tuj poste elpuŝegis el sia cerbo la faktojn senutilajn, ĉar la konservado de ili iom nekapabligis lin je aliaj aferoj. Valora estas la kapableco konservi la memorindajn kaj forgesi la senutilajn faktojn. Studado ne difektetas la personon kiu posedas ĉi-tiun lertecon, ja tiu ĉi kaj ĝi sole povas utile la spiriton plenegigi. Al la cerbo jam superplenigita de simplaj faktoj mankas la spaco necesa por aliaj, kaj plua provo plenigi nur haltigus la moveblecon. La cerboj de multe da lertuloj estas konstante troŝarĝataj ĉar la scio tro empremita neniam elvenas. Kiel pentrantaĉo ne povas interdistingi unu de la alia el la di-

versaj faktoj de realeco, simile nenia fakto havas superan gravecon al la alia.

Ekzercate por speciala celo kaj por sciata kialo, estas konkludeble ke persistema studado ne malutilas al iu. Tiamaniere ĝi estas por la cerbo (kiu ĉiam malviglemiĝas kaj malprecizemiĝas se ne estus ekzercata de perceptado je faktoj) utila atleta ekzerco, sed por tiuj kiuj malkomprenas ĝin por eduko ĝi estas plej malutila, ĉar la plej grava celo de eduko estas agemigi la cerbon kaj alkutimigi ĝin al la korekta agmaniero de faktoj akiritaj kaj se ĝi akirus tiom da faktoj ke ĝi ne povas ilin uzi, la cerbo sekve nur nemovemiĝas de trosato. Inter la multaj maldensaj kaj krudaj specoj de mallaboremeco, kelkaj konsistas en la farado de nenio, aliaj ĉiam senenergie kvazaŭ alkutimiĝitaj ĉion faras por nur ellabori la samgradajn nekontentigajn rezultatojn. Trostudado produktas la duan specon de mallaboremeco. Ĝi simpligas vivon akirante faktojn; tiel same kiel homoj amasigas monon, simile ni havas la avarulon de faktoj kiu plezure trankviliĝas en sia cerbo la faktojn; se li forgesus unu li malĝojiĝus sin kiel avarulo kiu estis perdinta moneron. Posedate de vera lernado kaj inteligenteco la malavarulo ĉiam estas preta forgesi aŭ elspezi; la ageco kaj ne la pasiva scio de lia cerbo kontentigas la saĝan pensulon. Senutilaj faktoj estas eljetataj. Li bone scias la kapablecon de sia cerbo kaj sentas malkomfortecon tuj kiam ĝi ektropleniĝas, ĉar certe estas ke iuj havas pli kapablecon je faktoj en siaj cerboj ol aliaj lan. La komuna plendo kontraŭ la plenegigado de la cerbo por ekzamenoj estas ke la scio gajnita estas forgesita tuj post la ekzameno. Sed en la plimulto da kazoj la konservado de la scio tiel gajnita estus pli malutila. Ekzamenoj estas valoraj, kion ajn oni diras kontraŭe, ĉar ili pruvas la kapablecon de la studento lerni kaj apenaŭ estus eble, eĉ se dezirebla, elpensi ekzamenon kiu ne provas la memoron. En tiu-ĉi neperfekta mondo ĉiuj devas iom cerbon plenegigi sed ne estas necese suferi de tio; nur memoru ke ĝi estas plenegigado kaj ne lernado.

T. K. H. (Pontefract).

## La Progresado kaj la Ĥina murego (1)

Tiu ĉi murego de Ĥinujo estas firma, reala.
Sed Scienco kaj Progresado estas senfine pli realaj [kaj firmaj.

Legantoj, tiu ĉi desegnaĵo prezentas bildon vere ekzistantan, precizan, laŭfotografaĵan. Ne estis eĉ necese al ĝi aldoni figuraĵon de Progresado malsupren rigardanta; ĉar ĉiu homo, vidante la Ĥinan Muregon aŭ ĝian bildon, samtempe per la imago vidas la figuraĵon de Progresado, kun rideto malsupren rigardanta sur la malgrandan, malfortan penaĵon el ŝtono kaj mortero.

Interesa realaĵo de la malnovaj tagoj estas tiu ĉi murego, alta, firma, laŭ la limoj de Ĥinujo centojn da mejloj sin etendanta.

Kiel belege ĝia forteco, peza kaj senutila, nian spiriton impresas pri la progresado de l'mondo, pri la senfina supereco de spirito super materio.

Antaŭ longaj jaroj, tiu murego laŭ ordono de la ĥina registaro estis konstruita. *Unufoje por ĉiam atakojn ekridindigi ĝi intencis.* Ĝi intencis esti sendanĝere en sia bieno kaj ĝin fermi kontraŭ la Tartaroj kaj ĉiuj gentoj sovaĝaj, kiuj estis minacantaj liajn pacajn rizkampojn kaj lian popolon paceman.

Por konstrui tiun ĉi ŝtonan muregon, milionoj da sklavoj dum longaj tagoj kaj jaroj senintermanke laboradis. Kameloj kaj ĉevaloj kaj bovoj, pezportantaj bestoj ĉiaspecaj, la grandegajn ŝtonegojn alportadis. La laborado laŭgrade progresadis. Ĝi estis finita.

Ĉu vi ne povas imagi la malhumilecon kaj la infanecan vantecon de la ĥina registaro, kiam li la laboraĵon finitan ekvidis? Li tiam diris al si: « Mi, mia imperio kaj miaj postuloj estas por ĉiam sendanĝere. Jen estas forteco de kontraŭstarado, kiun nenia potenco iam povos ektuŝi. Vane la amasegoj tartaraj kontraŭ tiu ĉi murego sin ĵetados! Mi, frato de l'suno kaj rajta registo de ĉiuj homoj, kaj la postvenontoj, miajn rajtojn heredontaj, estos por ĉiam sendanĝere interne de tie ĉi. »

Kiel malmulte tiu ĥina spirito povis enrigardi en la estontecon. Kia neebleco akcepti iom da progresado. Hodiaŭ la ĥina trono estas okupata de infano, en kies vejnoj fluas la sama sango tartara, kiu per la murego el Ĥinujo estis ekstertenota.

Kaj tio estas nur malgranda kaj malmulte valora detalo inter la ŝanĝoj, dum la granda progresado okazintaj.

Supozu, ke unu tagon duondekduo da militistoj kapablus altreni al tiu murego kanonon, kiu ĝin diseksplodigus! Supozu, ke oni dirus al la ĥina imperiestro, ke oni diris al li, ke post malmulte da centjaroj pleje lia murego kontraŭ militistaro atakanta ne prezentus pli da kontraŭstareco ol folio silkpapera!

Li tion estus konsiderinta kiel infanecan frenezecon.

Kion li estis pensinta, se oni estus al li dirinta, ke li baldaŭ vidos tiom, kiam flugmaŝinojn kaj dinamiton portantaj, super lia murego flugados, kiel je lia propra tempo la birdoj super ĝi flugadis? Kion li estus pensinta, se oni estus al li klariginta al li, ke el la centro de lia imperio, sciigoj kaj pensoj, kiel fulmoj, en unu sekundo estos transportataj al la plej malproksima punkto de l'mondo? Kiom malmulte li estus povinta elpensi la fakton, ke je tagoj venontaj kaj ne tre malproksimaj ĥina imperiestro, ĥina civilizacio, estos estintaj kaj mortintaj, funebraj kaj ridindaj.

Legantoj, rigardu tiun ĉi bildon de la malnova murego kun la spirito de Progresado super ĝi. Kiom estas plenumita de la homa raso depost lumo kaj telefono, vapormotoroj, fonografo, elektromotoroj, aŭtomobiloj, dinamito, telegrafo senfadena, grandaj eltrovoj en ĉiuj fakoj.

Kun kompato ni malantaŭen rigardas sur la maljunan regnestron, kiu la muregon konstruigis. Ni lin ne mallaŭdas pro lia nesciado pri la aferoj, kiujn ni konas. Sed stranga ni trovas lian neeblecon elpensi aŭ allasi, ke tiaj ŝanĝoj, tia progresado estis venontaj.

Legantoj, *ni ne similu al li.* Ni rememoru kaj bone komprenu, ni *kredu*, ke la progresoj, de la homa raso jam atingitaj *depost* la tagoj de tiu murego, estas kvazaŭ nenio kompare kun la progresoj, atingotaj dum la tempodaŭro inter la nuna tago kaj la tago de *vera civilizacio.*

Malgraŭ ĉio, ĝia homoj malmulte plenumis en la fakoj de spirito kaj justeco Ili venkis la muregon, faritan el ŝtonoj, brikoj kaj mortero. Ili venkis la interspacon kaj la tempon. Ili jungis la naturajn fortojn; akvofaloj por la homoj laboradas; la fulmo el la ĉielo malsupreniras, lumigas kaj varmigas iliajn domojn.

La homo meze de l'oceano senfadene parolas al sia frato sur la bordo. Mirindaj estas la novaj atingoj de l'homo. Sed, rilate, ili ne estas pli mirindaj, ol la atingoj de tiuj antikvaj ĥinoj. Tiuj ĉi ankaŭ kalkulis iujn el la steloj kaj bonete konis la astronomion. Ili estis ellernintaj la arton malmoligi metalon, ili estis disvolvintaj la grenkulturigadon, de kiu nia vivado dependas. Ili plenumis mirindaĵojn.

Ni plenumis aliajn aĵojn, kiuj al ni ŝajnas mirindaj. Ni neniam forgesu, ke niaj posteuloj estas destinitaj por plenumi taskojn senfine pli grandajn ankoraŭ.

Ni gardu nian spiriton malfermata por tiuj novaj veraĵoj, kaj ni por ili laboru; ni pensu en la estonteco kaj kun ĝi; ni ĝin helpu.

Ĉar, malgraŭ ĉio, kion ni spirite plenumis? Kion ni venkis?

*Ni ne venkis la malriĉecon*, ni ne venkis la *malklerecon*, la fratinon de malriĉeco.

Sagace, mirinde ni riĉaĵojn amasigis kaj pseŭdo-feliĉon por malmultaj. Sed la milionoj da homaj estaĵoj staras hodiaŭ tie same, kiel ili estis starantaj en la konstruadepoko de l'Ĥina Murego. La vasta plimulto, de l'leviĝo ĝis la subiro de l'suno, manlaboradas; ĝi apenaŭ sufiĉe laborenspezas, por vivaĉi ĝis kiam la suno releviĝas la morgaŭan tagon.

Kiel malmulte ni plenumis por *ili!*

La Ĥina Murego estas monumento de laboro, de sklaveco. Nu, kio do estas niaj grandaj konstruaĵoj, niaj fabrikejoj, niaj fervojoj?

Ĉu ne ekzistas nur malmultaj feliĉuloj, riĉaj kaj potencaj, agantaj, kiel al ili plaĉas, irantaj kien al ili plaĉas? Ĉu ne ekzistas dekoj da milionoj alligitaj al la fervojoj, al la fabrikejoj; alligitaj al la turbo sammaniere, kiel tiuj sklavoj estis alligitaj al tiu ĉi murego kaj al la kampoj, kiuj interne kaj ekstere de ĝi estis kulturigitaj?

Kiam tiu ĉi murego estis konstruata, ĉiu kreitaĵo en la bieno de tiu ĥina registo estis lia absoluta sklavo. Li estus rifuzinta, se vi inspirinta estus, ke iu el li povus esti *io alia ol sklavo.* Se vi estus demandinta pri lia rajto fortranĉi la kapon de iu homa estaĵo, via propra kapo rapide fortranĉita estus estinta. Li ne povis elpensi mondon bazitan alie ol sur sklaveco: sklavoj ĉe la fundo kaj liaj piedoj sur la nukoj de l'sklavoj. Vi lin pro lia nesciado malestimas.

Nu, kiom da la nunaj homoj inteligentaj estas kapablaj elpensi teron kaj civilizacion *sensklavecajn.*

Ĉu vi opinias, ke estas iom pli bone por homo al sia taŝko ĉiutaga esti alligita, plimalfortikiĝante, plimalriĉiĝante, senkuraĝiĝante, dum li plimaljuniĝas? Ĉu vi opinias, ke la nuna homo estas tiom pli feliĉa, ol la sklavo malnovtempa, vivinta je la fruktoj de l'tero kaj certega pri sia parto de nutraĵo?

Ĉu ne estas fakto, ke ju pli ni scias, des pli ni suferas? Ĉu la malriĉulo ne estas turmentata pro manko de bonaj okazoj por siaj idoj? Ĉu la patrino malriĉa ne estas plej kruele turmentata, vidante, ke ŝiaj infanoj mortas, *dum ŝi tamen scias, ke klereco kaj mono ilin savus?*

Ĉu ŝia sorto ne estas senfine pli malbona, ol tiu de la kompatinda patrino-sovaĝulino, instruita, ke ŝiaj infanoj de malbonaj demonoj estas forprenataj, kaj ke tio estas necesa?

La mondo *plenumis grandajn* progresojn kaj en akiroj materiaj ni estas multege superintaj la tempon de konstruado de niaj muregoj. Sed nia prospereco disdonita ne estas. Laŭ sia akirado la homaro estas granda, sed *laŭ bonfarado, laŭ bonpoleco kaj frateco ĝi estas malforta.* La plej fortaj individuoj el ni por sin prenadas ĉion kaj idoj batalados, ĝuste tiel egoiste, sovaĝe, brute kaj maklere, kiel tiuj batalintaj ĥina registo estis batalinta por ŝiaj idaro oblikvokula.

Nia spirito ne estas multege super la nivelo de l'besto egoista; ĝi ne konservis la saman antaŭeniradon, kiel la intelekto de nia raso.

Restas ankoraŭ spaco por progresado, restas spaco *por la vera progresado, kiun la homaro ankoraŭ ne vidis.*

Legantoj, estas la homa devo kredi je la poveblecoj de sia raso. La homo malhonoras sin, se, vidante, ke malriĉeco kaj ĉagreno nemeritataj ne al iun homan estaĵon estas surmetataj, li kontraŭ tio ĉi ne protestas.

En la sola Ŝtato Teksas ekzistas pli ol sufiĉe da riĉaĵoj por ĉiujn homajn estaĵojn sur la tero nutradi. Vi povus dek-milobligi la loĝantaron de l'tero, kaj la scienco, senegoisme por la komuna profito administrata, donus sufiĉon al ĉiuj, eĉ pli ol sufiĉon. Ekzistas nenia kaŭzo, praviganta trolaborigadon, trolaciĝadon, senkuraĝigadon aŭ maltrankviligadon de iu homo.

Nenia efektiva kaŭzo ekzistas, por ke iu infano de ŝanco en la vivo estu senigata, ĉar dum ĝia infaneco ĝi jam estas devigata laboradi. Nenia preteksto ekzistas, por ke iu virino suferu pro manko al ŝia infano de tio, kio ĝin savi povus.

La vera homo estas tiu, kiu protestus kontraŭ tiu ĉi civilizacio pri siaj progresoj fanfaronanta tiam, kiam malbonaj kaj malpuraj kvartaloj en la urboj ekzistas; kiam maltrankvileco ĉie regadas, egoismo rampadas; kiam malhonesteco sur la seĝo registara sidadas.

Malsaĝege ni povas rigardi la Ĥinan Muregon; kompateme ni povas pensi pri tiu registaro, kiu kredis, ke, konstruiginte ĝin, li ĉiujn problemojn estis eksolvinta.

Sed malsaĝege ni ankaŭ devas rigardi nian propran pseŭdo-civilizacion, pensante pri niaj propraj popolamasoj batalantaj, malkontentaj, senespergitaj.

La tago venos, kiam ĉiu homo laboremus estos homo feliĉa; kiam la mallaboremulo estos konsiderata kiel suferanto pro la heredeco aŭ la mezo; kiam ĉiu homo por iu alia homo senfine pli faros, ol la nuna homo por sia frato fari volas.

Vi kredu je tiu estonta tempo, kaj tiamaniere vi helpos ĝin efektivigi.

*El la angla lingvo tradukis.*
Cer.

(1) Sub tio ĉi titolo, aperis antaŭ kelke da tempo ĉefartikolo en dimanĉa numero de *New-American*. La artikolo estas akompanata de desegnaĵo, prezentanta parton de l'fama muregon, sur kiu fiere flirtas la drakstandardo. Tordlinie la muro serpentas, valojn distranĉante, montojn kaj montetojn supren kaj malsuprenrampante, jen malaperante el la vido, jen reaparante, por fine perdiĝi en la malproksimon. Super la muregon, en la aero, oni vidas figuraĵon de Progresado, kun tiel ŝpiganimo sidanta kaj malsupren rigardanta. Ĉe la horizonto iom purpuriĝas : ĝi estas la matenruĝo de l'venontaj tempoj.

(Nia traduko estas preskaŭ integrala, kvankam, laŭ nia opinio, kelkaj esprimoj en la artikolo estas iom trograndigaj.)

## AERVETURADO

### Kalendaro de Aviado por 1910

La 10an de Januaro kunvenis en Parizo la Internacia Aviada Federacio por fiksi la internacian kalendaron de aviadaj konkursoj por 1910.

Ĉeestis la reprezentantoj de Francujo, Italujo, Germanujo, Anglujo, Belgujo, Aŭstrio, Hungarujo, Danujo kaj Rusujo.

Post longa kaj viva diskutado oni definitive decidis la jenan kalendaron :

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Aprilo | 10-25 | Nice kun | $ | 80.000 | da premioj |
| Majo | 10-15 | Berlin | » | 20.000 | » |
| » | 20-30 | Verona | » | 84.000 | » |
| Junio | 5-15 | Budapest | » | 240.000 | » |
| Julio | 3-10 | Reims | » | 80.000 | » |
| » | 11-16 | Anglujo | » | 80.000 | » |
| » | 14-24 | Paris-Brux. | » | 120.000 | » |
| » / Aŭgusto | 24-31 / 1-4 | Bruxelles | » | 80.000 | » |
| » / Septembro | 25-31 / 1-4 | Dionville, Le Havre | » | 93.000 | » |
| » | 9-18 | Bordeaux | » | 96.000 | » |
| » / Oktobro | 24-30 / 1-3 | Milano | » | 120.000 | » |
| Oktobro | 23-30 | New-York | » | 200.000 | » |
| Sumo de la premioj | | | $ | 1.293.000 | |

En ĉiuj suprecititaj urboj ekzistas delegitoj de U. E. A. ĉe kiuj povos trovi bonkoran akcepton la samideanoj veturontaj al konkursoj.

C. S.

## La Faktoj

3 januaro. Missolungi. — Oni festas la centjarfeston de la alveturo de Byron en Grekujon.

4. Bouc. — Aviadistino baronino De la Roche falas kun aeroplano kaj restas vundita.

5. Ateno. — Brulado de plankaĵo de la reĝejo.

7. Marmelon le Grand. — Lathan flugas per sia monoplano ĝis la alteco de 1.410 metroj.

8. Romo. — Mortas kardinalo Francisko el Paola Satolli.

9. Petrburgo. — Brulado en palaco de Grandduko Nikolo Nikolajeviĉ.

13. Los Angelos. — Paulham atingas 1.500 m. da alteco per areoplano.

14. Madrido. — Registaro fermigas « Militistan Klubon » pro la agitacio de la oficiroj en okazo de la disdono de la premioj al la partoprenantoj en la Maroka militiro. Kvardek oficiroj estas punitaj.

17. Parizo. — Mortas Delyannis ministro de Grekujo.

18. Stokholmo. — Malfermo de la *Riksdag* (deputatĉambro) per alparolado de la reĝo.

19. Imolo. — Mortas deputato Andrea Costa, vicprezidanto de la deputataro, la plej populara kaj fervora el la italaj socialistoj.

Konstantinoplo. — Terura brulado detruas la turkan deputatejon.

Romo. — Ŝippereo de velŝipo en la Tirrena maro. Kvar mortintoj.

A. Tellini.

## Homara Dataro

1 februaro 1594. — Mortas Petro-Luizo el Palestrino, reformisto de la sankta muziko.

2. Beno de la Kandeloj; purigo de Mario Virgulino; rememoriga festo de la prezento de Jezuo al la Templo. — 1529. Mortas en Toledo Grafo Baldasaro Castiglione (n. 6/12 1478 en Cesenatico) diplomato aŭtoro de « La Kortegano » tre eleganta itala verkisto. — 1890. Mortas Kristoforo E. Diedrich Bujs-Ballot (n. 1817 en Klaetingen, Zealando) fama meteorologiisto en Utrecht, li malkovris la leĝon kiu havas lian nomon. — 1891. Mortas en Grenoble popola romanverkisto Elia Berthet.

3. 1862. — Mortas Johano Baptisto Biot, glora fizikisto, naskiĝinta en Parizo en 1774. — 1876. Mortas en Firenzo historiisto Gino Capponi (nask. 14/9 1792). — 1892. Mortas en Londono fama kuracisto sir Morell Mackenzie.

4. 1600. — Inkvizicia tribunalo kondamnas filozofon Jordanon Bruno. — 1774. Mortas Karlo Maria de la Condamine el Parizo (nask. 1701) unu el la mezurantoj de la grado en Peruvio (1736-44).

5. 1863. — Mortas Karlo Cattaneo el Milano (n. 1801), ekonomiisto ŝtatisto kaj filozofo unu el la estroj de la revolucio de Milano de 1848. — 1881. Mortas en Londono Thomas Carlyle (nask. en Ecclefechan en 1795), fama Angla literaturisto.

6. 1804. — Mortas Jozefo Priestley eltrovinto de la oksigeno.

7. 1831. — Belga Konstitucio. — 1878. Mortas Papo Pio IXa.

8. 1528. — Andrea Doria restarigas la sendependecon en la Ĝenova respubliko. — 1807. Naskiĝas en S. Pietro Casale fama anatomiisto Luizo Calori de la Bolonja Universitato. — 1873. Reĝo Amedeo Ia eksiĝas de la hispana regado.

9. 1649. — Senkapigo de Karlo Ia reĝo de Anglujo. — 1849. Kunsido de la romaj reprezentantoj deklaras la ĉesigon de la politika povo de la pontifikoj kaj proklamas la respublikon.

10. 1473. — Naskiĝas astronomiisto Nikolaj Copernico. — 1502. Vasko el Gama komencas la vojaĝon al Indujo. — 1632. Galileo estas arestita en Romo laŭ ordono de la Sankta Oficejo. — 1798. Franca soldataro ekokupas Romon. — 1868. Mortas Sir David Brewster (nask. 1781 en Sedburgh) profesoro de fiziko en Edimburgo, elpensinto de la kalejdoskopo.

11. 1755. — Mortas Scipiono Maffei arkitekturisto kaj literaturisto. — 1771. Pro terdisfalo kiu baris riveron Cordevole, formiĝis lago Alleghe en Kadoro (provinco de Belluno). — 1802. Mortas en Naira (Skotlando) esploristo Grant. — 1873. Hispana deputataro proklamas la respublikon. — 1908. Mortas en Bordighera verkisto Edmondo De Amicis.

12. 1612. — Mortas Amerigo Vespucci en Siviljo. — 1658. Mortas filozofo Renato Cartesio (Descartes) fondinto de racionalismo. — 1813. Naskiĝas en Utica (Usono) naturisto James Dwight Dana. — 1901. Mortas en Madrido poeto Campoamor.

13. 1507. — Bataleto ĉe Barletta inter 13 francoj kaj 13 italoj. — 1797. Paco de Tolentino; la Papo cedas al Francujo Avinjonon kaj la « Venaissin, kaj al la Cisalpina Respubliko Raveno'n, Bolonjo'n kaj Ferara'n ». — 1790. Francaj reprezentantoj abolicias la religiajn ordenojn.

14. 869. — Mortas en Romo Ĉirilo el Tesaloniko apostolo de la Slavoj. — 1570. Mortas Benvenuto Cellini ĉizisto kaj skulptisto. — 1779. Mortas por insidmortigo en Havaii, James Cook el Marton (York, n. 27/10 1728) ĉirkaŭmarveturanto. (3 veturoj : 24/6 1768 - 11/1 - 71; 13/7 1772 - 30/7 - 75; 12/7 1776.)

15. 1002. — Ardoino el Ivreo estas elektita Itala reĝo. — 1775. Pio VI estas elektita papo. — 1819. Kunveno en Ciudad Bolivar aŭ Angostura por la fondo de la Kolumbia respubliko. — 1826. Mortas Roma geologiisto Scipiono Breislak (nask. 1748). — 1883. Mortas en Venezio muzikverkisto Rikardo Wagner.

A. Tellini.

## NIAJ KONKURSOJ

## La Situacio de la Komerco & Industrio en Usono (1)

La kondiĉo de la grandaj komercaj urboj estas bona. La fakoj de la komerco kaj industrio insiste klopodas por la sukcesigo de gravaj publikaj servoj en ĉiu rilato de aplikata aktiveco. La elpezoj en la urboj estas iom trograndigitaj hodiaŭ kaj la prizorgado de tio ĉi sin trudas al la atento de la lokaj politikistoj. La priokupo de la ŝtato estas turnata al la purigo de la malbonega situacio de la municipala politiko. La tendenco en la plej multo el la Usonaj urboj batali kontraŭ drinkado estas ĉie aktiva kaj en multaj urboj la vendado de likvoroj estis malpermesata.

La situacio de la industriaj laboristoj meritas atenton. La aktiveco de la laboristaj unuiĝoj estas seninterrompa. Ilia vivkondiĉo estas firma; strikoj estas maloftaj. La fremdlanda enmigrado en la forpasinta jaro montras malpligrandiĝon pro la malbonaj efikoj de la tiama paniko.

En konkludo estas necesa aludi al la sistemo, kiu sole povas klarigi la superecon de la komercaj urboj de la lando. Ĉiu urbo granda havas rolon en la fabrikado tute malsimila kiu troviĝas en alia urbo. Unu urbo pli superas alian en la fabrikado de tiuj ĉi komercaĵoj; aliaj urboj, kiel havenoj, pli superas en la komerco; aliaj urboj estas grandaj lokoj por fabrikataj produktaĵoj; aliaj por la importado de alinaciaj produktaĵoj, k. t. p. Mi ne povas rimarki pri la komercaj kaj industriaj entreprenoj, kiujn oni povas trovi tra la tuta lando, sed pri mia propra urbo mi povas sukcese kolekti faktojn por ilustri tiun temon.

La urbo *Worcester* estas unu el la plej grandaj urboj de la lando por fabrikaĵoj. Ĝi ne estas haveno kaj tial estas grandparte urbo por produktaĵoj, sed ĝi estas granda tenejo por ĉiuspecaj komercaĵoj. La imposta tarifo en la urbo por ĉiu 2·000 Sm. estas 34 Sm. La prezo por la gaslumo estas 1.80 Sm. metre. La loĝantaro atingas 151,000. Worcester havas la plej grandan industrion en la mondo por la fabrikado de la teksiloj. Ĝi estas la dua urbo laŭ grandeco post Boston, en la ŝtato, en kiu ĝi troviĝas. La urbo havas 95 publikajn lernejojn kaj aliajn instituciojn de instruado. Ĝi estas la unua urbo venas antaŭ ĉiu alia urbo de l'terglobo pri la fabrikado de metalfadenoj. Ĝi posedas la plej grandan fabrikejon de tapiŝoj. Worcester fariĝis urbo antaŭ 58 jaroj kaj jam trifoje duobligis sian loĝantaron.

La sumo de la ŝparita mono deponita en bankoj atingas 106,000,000 Sm., kiuj apartenas al 120,000 personoj. Ne eĉ unu deponinto estis perdinta pro la bankroto de Worcester banko. Tio estas fakto kiu meritas la atenton de la ekonomiistoj. Worcester troviĝas en la mezo de ŝtato havanta pli ol 3,000,000 loĝantoj. La urbo posedas ĉiutagan rapidegan fervojan transporton, kiu povas atingi Nov-Jorkon en 7 horoj.

Cetere, ĝi troviĝas sur la linioj de tri grandaj fervojaj sistemoj : la Boston kaj Albany; la New-York, Newhaven kaj Hadfort-fervojo; kaj la Boston kaj Maine. La plej granda metalfadena industrio troviĝas en Worcester kaj estas nomata « Amerika Ŝtala kaj metalfadena kompanio ». Tiuj ĉi grandegaj fabrikejoj donas laboron al 6,000 homoj. Unu mio estas okupata pri la fabrikado kaj industrio de leterkovriloj kaj kovertoj. La ĉiujara produktado de tiu ĉi komercaĵo en la urbo atingas valoron da 3,500,000 Sm; 8,000,000 kovertoj estas fabrikataj ĉiutage.

La urbo havas 1,100 fabrikejojn, kiuj donas laboradon al 26.000 homoj, kaj havas jaran salajraron da 108,000,000 Sm. En urbo troviĝas dekdu fabrikejoj de lanaĵoj kun dek aliaj en la ĉirkaŭaj urbetoj kaj dekkvin en la proksimaĵo. La stratajn fervojoj de Worcester donas al ĝi la povon esti en direkta rilato kun 35 vilaĝoj kun loĝantaro de 375.000. La kombinitaj sistemoj de stratfervojoj tie alcentrigitaj kurigas 700 vagonojn kaj portadas 45,000,000 vojaĝantoj jare. Jen estas la plej grandaj industrioj de Worcester : teksiloj, ilustraj kartoj kaj skribaĵoj, tapiŝoj, metalfadenoj, ledaĵoj, paperkestoj, fortepianaj ŝlosiloj, papermaŝinoj, mangovagonoj, k. t. p.

Oni ankaŭ povos konstati, ke la nova administrado de prezidanto Taft enkondukos novan progreson en la komerca vivo de Usono. La evito de milito kun Japanujo certigas, ke la ŝovinistoj estas nur malmultaj. Kiam la paco estas konservata, tiam la industria prospereco estas certa : « Per la malpaco kaj malkonsento la plej grandaj nacioj estas ruinigataj; per la paco kaj la harmonio, la plej malgrandaj fariĝas la plej potencaj. » Tiu proverbo devas esti devizo de ĉiu vera patrioto; ĝi ĉiam restu nia, ĉar per ĝi okazas plimultiĝo la internaciaj rilatoj ne nur komercaj, sed ankaŭ moralaj inter Usono kaj la aliaj nacioj.

W. E. Baff,
Eksdel. en Worcester.
Del. en New-York.

(1) Vidu *Esperanto* de 5 novembro kaj 20 decembro 1909.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## *OFICIALA INFORMILO*

### FAKO ADMINISTRADO

*Kongreso de U. E. A.*

Por respondi diversajn demandojn ni informas, ke kunvenoj de U. E. A. ankaŭ okazos en *Washington*, dum la sesa Kongreso. En tiuj kunvenoj estos legataj kaj diskutataj la deziresprimoj alprenitaj ĉe la Augsburga kongreso, pri kiuj la Delegitoj kunvenontaj en Washington ankaŭ esprimos sian opinion. Poste la deziresprimoj akceptitaj en Augsburg kaj Washington estos laŭstatute submetataj al la voĉdonado de ĉiuj Del. La programo kaj tago de la kunvenoj de U. E. A. en Washington aperos pli malfrue.

*Komisionoj.*

Laŭ la artikolo presita de nia komitatano S-ro Th. Rousseau, kaj por provi la institucion de la specialaj komisionoj, oni nun aranĝas komisionon por *Komerco*, por *Financoj*, por *Juruloj*.

*Distriktaj Delegitoj.*

Oni povos legi en la ĉefartikolo de tiu Nro kelkajn klarigojn rilatajn al tiu institucio. Konforme al ĝi, la Administra fako komencas la starigon de la distriktoj kaj rondirigon de kajeroj inter Delegitoj de sama distrikto. Cirkulero-letero estos sendata pri tio.

*Balotado.*

Kelkaj Delegitoj ne ankoraŭ resendis la protokolon pri rebalotado. Ni petas, ke ili bonvolu tion fari kiel eble plej rapide, tiom pli ke la tempolimo (por Eŭropo) jam preterpasis.

*Proponoj.*

La komitato de U. E. A. ekzamenas nun proponon de S-ro Capeaux pri komercaj reprezentantoj kaj servo de komercaj sciigoj, projekton de regularo pri la servoj de U. E. A., regularo pri konsuloj kaj pri reklama servo kaj pri divastigo de la Esperantiaj entreprenoj per eldonado de nacilingvaj cirkuleroj kaj formularoj.

*Novaj Delegitoj.*

Ĝis la 21. Januaro estis elektitaj la jenaj Delegitoj :

Annecy (Franc., Hte-Savoie). — S-ro Dannemuller (rue Sommelier). — VD. : S-no Perrenot.

Briançon (Franc., Htes-Alpes). — S-ro Villars (5a roto de la 159a reg).

Chur (Svis, Graubunden). — S-ro D-ro Capeder. — VD. : S-ro A. Manatschal.

Dorpat (Rus., Lifland gub). — S-ro J. Muszynski (inspektoro de Botan Ĝardeno).

Esslingen (German, Wurtemberg). — S-ro K. Steiner (S. D. depend. de Stuttgart).

Fremantle (Aŭstralio). — F-no K. R. Litten (96 Victoria St.)

Hirschfelde in-sa (Germanujo). — S-ro R. Plenigwerth (Gortitzerstr. 21),

Jamworth (Aŭstralio, N. S. W.) — S-ro D-ro B. P. Fryer.

Instersburg (German., Ost preussen). — S-ro W. Lukasius (Theaterstr. 3).

London-Sudo (Anglujo). — S-ro W. Nutters, 135, Sellincourt Rd (Subdel.)

Maitland (Aŭstralio, N. S. W.). — S-ro E. Pryke (East-Maitland).

Mormington (Aŭstralio). — F-no Dixon (Matron hospitalo).

Nazili (Azia Turkujo). — S-ro Sedki (dir. poŝt-telegraf.)

Nikolaev (Rusujo). — S-ro Lebedeviĉ-Draevskij (Spasskaja 60/1).

Philadelphia (Usono). — S-ro H. Neuhaus. Bourse Translation Bureau, 519.

Sankt-Gallen (Svisujo). — S-ro Ed. Schauenberg, Burggrabend.

Tabor (Usono, Iowa). — S-ro L. V. Abbott.

Tarnovo (Galicio, Aŭstrio). — S-ro M. Fluhr (2 drojowa 11).

Shipley (Anglujo). — S-ro R. Green, 34 Olley Rd.

Smichov (Aŭstrio, Bohem). — S-ro G. Kratochvil, Smetanova ul. 13. (Subdel. depend. de Praha).

Zavala (Herzegovino). — S-ro U. Avadaloviĉ. — Vicdel : S-ro L. Micevic.

*Entute 799 lokoj.*

ŜANĜOJ : Amiens : La adreso de la nova Del., S-ro Quertant, estas 17, Bd du Mail. — B. Godesberg : La adreso de la nova Del., S-ro Th. Oster estas 46 Burgstr. — Breslau : La adreso de la nova Del., S-ro G. Mahn, estas 4, B. Albrechtstr. — Cartagena : La adreso de la nova Del., S-ro J. G. Martinez, estas Mayor, 4. — Chalon-sur-Saone : Anstataŭ S-ro Balandra, eksiĝinta, estis elektita S-ro L. Richard, ĝis nun Vicdel., 7, place de Beaune. — Firenze : Anstataŭ S-ro Dattari, eksigita; S-ro Scarselli, Via Aquolo 48, estis elektita Del. Frankfurt a/M : Estas nun Del. S-ro Fricke, Niedenau, 30. — Gijon : La adreso de la nova Del., S-ro Sarrion, estas nun Str. Corrida, 10. — Glasgow : Anstataŭ S-ro R. J. Maclaren, S-ro Douglas Buchanan, 7, Garthland St. City, estis elektita Del. — Invercargill : S-ro H. A. Epstein, estis elektita Vicdel. — Karlsruhe : Anstataŭ S-ro Barthel, transloĝiĝonta, S-ro H. Bode, Kaiserstr., 225, fariĝas Del. S-ro Barthel refariĝas Del. en *Copitz a/Elbe*. — Le Locle : Anstataŭ S-ro Humberset, S-ro Th. Roniger, 16, rue du Marais, estis elektita Del. — London : S-ro Kaliski, Del., loĝas nun, 56, High St., Thadwell. — Lwow : La nova Del., S-ro Ber. Herold, loĝas Str. A. Potocki, 22. — La vicdel., S-ro Zaterky, pl. Bernardynski l. 2 a. — Moskvo : S-ro Szabuniewicz, Del., loĝas nun Mjasnickaja, dom. de Keppen. — Newcastle a/Tyne : La nova Vicdel, S-ro W. M. Creight Brown, loĝas 38, Grosvenor Ave. — Roubaix : S-ro A. Denis-Didier, Vicdel., loĝas nun, 42, rue du général Chanzy. — Sydney : La adreso de la Del., S-ro Watson, estas 38, Queensland offices, Bridge St. — Valencio : La adreso de la nova Del., S-ro L. Perez, estas C. Espartero, 6; la adreso de la nova Vicdel., S-ro Sanchez Rogla, estas Linan, 2. — Zaragoza : La adreso de la nova Del., S-ro Pla, estas D. Jaime, 65; la adreso de la nova Vicdel., S-ro L. Jordana de Posas, estas D. Jaime, 62. — Pirna a/E. kaj Saintes : Tiuj lokoj estu forstrekataj el la Jarlibro.

*Eksigo.*

Ne respondinte du oficialajn leterojn de U. E. A. kaj nenian alian komunikaĵon de la komitato, S-ro A. Dattari, ĝis nun Delegito en Firenze, konforme al § 19 de la statuto, estis forstrekita el la listo de la Delegitoj.

### ESPERANTIAJ ENTREPRENOJ

Konigsberg : *Esperanta Grupo*. P. : D-ro Nitz; S. : Rinkert; K. : E. Aron.

London : *Pionira Librejo Esperanta*, 135, Sellincourt Rd, London.

Utrecht : *Nederlanda katolika Esperantista Ligo*. P. : J.-J. Lambert; VD. : J. P. L. Niesten; S. : Van Zwet; K. : Elbers. Adr. : Laeuwstraat 3 bis.

Roanne : *Ed. Fortier-Beaulieu, Fabrikejo de neglitiloj por aŭtomobiloj*. Adr. : rue des Tanneries, 2. Roanne (Francujo).

Varsovio : *Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio* (T. E. K. A.) S. : D-ro Robin, Chmielna, 34, Varsovio.

Entute 110 Esperantiaj entreprenoj.

### ESPERANTIAJ ASOCIOJ

Bromberg : *Varietea Esperantista Ligo* (V. E. L.) S. : O. Linse, Neuer Markt, 8, Bromberg (70 membroj).

Ekaterinodar : *Esperantista Societo*. P. : D-ro Schwarz.

Stuttgart : *Esperanto Stelo*. P. : D-ro Christaller; VD. : L. Haun; S. : A. Hauessler; K. E. Lerrer (70 membroj).

Entute 17 Esperantiaj Asocioj.

*La Administra Fakestro.*

### FAKO ESPERANTO-OFICEJOJ

*Ekspedado de U. E. A.*

Malgraŭ ke la insignoj estas enpakitaj en fortikaj skatoletoj kun kiel eble plej detala adreso, okazis diversfoje ke ili perdiĝis en la vojo. Pro la altaj prezoj de la internaciaj pakaĵoj la ekspedo kiel senvalora specimemo estas la sole ebla, sed de nun ni forsendos la insignojn por Rusujo, Hispanujo, la Balkanaj kaj ekstereŭropaj landoj senescepte per rekomendita poŝto. Farante tiamaniere ĉion eblan ni ne povas porti la respondecon se ili tamen ne alvenas. La rekomendo estas je la kostoj de l'mendinto, sed ĉar oni povas enmeti en unu skatoleton pli ol 20 insignoj la plialtigo de 10 Sd. fariĝas ne sentebla por iom grandaj mendoj.

### JUNULA FAKO

*Gravaj Avizoj.*

I. Ĉiuj Delegitoj estas petataj, se ne ankoraŭ okazis, elekti *konsulon* por Junuloj kaj informi la centran oficejon de U. E. A. pri la nomo kaj preciza adreso de la elektito.

II. Ĝis nun ne ĉiuj Delegitoj kaj Sub-Delegitoj konigis al ni la sukcesojn aŭ sensukcesojn, kiujn ili havis, transdoninte al lernejestroj k. t. p. la cirkuleron pri starigo de Esperanto kursoj en lernejoj.

III. La Delegitoj bonvolu.

1e Kaŭzigi la aliĝon al U. E. A. de ĉiuj junuloj de tiaj kursoj.

2e Transdoni al ni la adresojn de gejunuloj, kiuj deziras korespondi. (La ricevitajn nomojn ni publikigos en nia oficiala organo).

IV. La faritaj spertoj ĉe interŝanĝo, pasigo de libertempo aŭ serĉado de okupado en eksterlando de junuloj postulas, ke la Delegitoj tre baldaŭ informu nin pri la sekvantaj punktoj:

1e Ni petas, diri al ni kiel eble plej baldaŭ la familiojn, kiuj intencas interŝanĝi siajn geinfanojn dum la venonta somero. Ni atentigas la sekvantajn punktojn, pri kiuj la Delegitoj bonvolu plej detale informi nin.

a) En kiuj monatoj la familio deziras la interŝanĝon?

b) La daŭradon de la akcepto de la interŝanĝota junulo aŭ -ino.

c) Ĉu la familio volas interŝanĝi junulon aŭ junulinon?

d) Sciigo pri la vivtenado kaj vivmaniero (grado de komforteco de la logejo k. t. p.) de la familio, kiu akceptos la junulon aŭ -inon.

2e Ni petas la nomojn de familioj, kiuj volas akcepti gejunulojn kontraŭ pago:

a) La samaj demandoj kiel ĉe 1e dea ĝis d.

b) Kiom da mono postulas la familio po semajno.

3e Ni petas la nomojn de gejunuloj, kiuj serĉas oficon aŭ okupadon en eksterlando dum sia libertempo kontraŭ senpaga vojaĝo, loĝado, manĝado, trinkado k. t. p.

a) Dum kiuj monatoj la junuloj volas iri eksterlanden?

b) En kiun landon ili intencas iri?

c) Kian laboron ili volas fari?

d) Kion ili postulas anstataŭ pago por sia laboro?

4e Familioj, kiuj volas akcepti junulojn, kiuj serĉas okupadon dum sia libertempo, kontraŭ senpaga vojaĝo k. t. p.

a) Kiam la familio volas akcepti la junulojn?

b) Kiom da junuloj volas la familio akcepti?

c) Kian laboron la junuloj devas fari?

d) Kion donos la familio anstataŭ pago?

La subskribinto petas skribi la nomojn kaj adresojn tre klare. Ĉiuj demandoj kaj respondoj devas esti adresataj al la centra oficejo de U. E. A., por fako junuloj.

Por Junula Fako:

F. Rockmann.

### TURISMA FAKO

*Gvidfolioj.*

La jenaj urboj ĝis nun eldonis *gvidfoliojn*: Bordeaux, Bad Reichenhall, Konigsberg, Morges, Bromberg, Aachen, Nancy, S'Gravenhage, Leipzig, Moulins, Grenoble, La Rochelle, Limoges, Carcagente, Tiflis, Woerishofen, Tours, Le Puy, Le Havre, Louhans, Genève, Douai, Le Mans, Avignon, Davos, Kostroma, Düsseldorf, Lausanne, Hyères, Odessa, Pleven, Le Locle. Entute 32.

Ni esperas, ke multaj urboj, speciale la gravaj el turisma aŭ komerca vidpunkto tuj imitos ilin.

Kolekto de 25 gvidfolioj malsamurbaj estas aĉetebla por Sm. 0,25 afrankite. Bona propagandilo ĉe turismaj rondoj.

### BALOTADO DE LA DELEGITOJ (1)

*Rezultatoj ĝis 20. Januaro.*

La unua cifero montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de la voĉdonintoj, la cifero post la nomo la nombron de voĉoj ricevitaj. La nomoj italike presitaj estas novaj Del. aŭ Vicdel. D.: Delegito; V. D.: Vicdelegito.

Amiens. — 32, 27. D. *D-ro M. Quertant* 27. — VD.: Searle 27 (S-ro Queste provizore restas help. Delegito).

Breslau. — 20, 11. D.: G. *Mahn* 8; E. Zepler 2; F-no Wolfson 1. — VD.: *E. Kepler* 8; G. Mahn 2; F-no Wolfson 1.

Gijon. — 37; 10. D.: F. F. Braga 9; J. M. Sarrion 1 (Rifuzinte reelekton pro foriro, S-ro Braga transdonas la oficon al S-ro Sarrion. — VD.: *A. Zapico* 4; J. Navarrete 3, Cesa Rey 2, J. Sarrion 1.

Saint-Etienne. — 24, 16. D.: E. Gabert 15; Peyraud 1. — VD. Peyraud 14; Dubouchet 1; Sabatier 1.

Rotterdam. — 31, 13. D.: P. V. Vermaas 13. — VD.: *J. H. v. Twisk* 13.

Lyon. — 30, 24. D.: Jaboeuf 23; Drudin 1. — VD.: Drudin 19; Poncet 2; Deronsière 1; S-no Farges 1, Jaboeuf 1.

Danzig. — 140, 24. D.: S-no Tuschinski 14; S-ro D-ro Seemann 10. — VD.: F-no *M. Schultz* 12; S-ro Dummert 9; Pelikan 2; S-no Blance 1.

Vladikaukaz. — 16, 13. D.: D. A. Naumenko 12; Neniu VD. estis elektita.

Dresden (32, 13). D.: A. Dinger 9; M. Tessner 3; V. Frenckell 1. — VD.: M, Tessner 10, A. Dinger 3.

Barcelona (24, 17). D.: A. Sabadell 14; blankaj 3.

Cartagena (42, 36). D.: J. Garcia Martinez 35, A. Rosique 1: VD.: *C. Molina* 35, M. Ignardo 1.

Valencia (35, 35). D.: *L. Perez* 35; VD.: F. Sanchez, Rogla 35.

Grenoble (28, 14). D.: Ploussu 14. — VD.: Roy 13.

Lwow (20, 16). D.: *B. Hérold* 13; S. Lazica, ĝisnuna, D. 3. — VD: *E. Zatezky* 9; A. Adler 3; F. Engel 2; B. Hérold 2.

Sosnovice (48. 48). D.: M. Tvorzyanski 21; J. Piékorski 12; D. Zakzecwski 10; W. Tomezak 5. — VD.: *J. Piékarski* 35; A. Popravski 9, S. Santer 3.

Hamburg (27, 20). D.: W. A. Vogler 19; F. Epstein 1. — VD.: *H. Bruch*, 17; F. Epstein 2; blanka 1.

Roubaix (20, 8). D.: Ch. Dorion 7; Bouchard 1. — VD.: Denis-Didier 7; Lepers 1.

*(Daŭrigota.)*

La protokoloj pri la rebalotado de la Delegitoj en la jenaj lokoj ne estis ankoraŭ ricevitaj:

Amsterdam, Augsburg, Barcelona (du kvartaloj), Bromberg, Burnley, Caen, Chaux-de-Fonds, Dresden (S-ro Radeck), Eskiltuna, Graz, Helsingborg, Kiew, Konigsberg, Leeds, Lodz, München, Pariscentro, Praha, Sabadell, Samos, S. Sebastian, Saumur, Teruel, Woerishofen. La Delegitoj bonvolu rapidigi ilian alsendon.

En London la tempolimo estis prokrastita. En Berlin la balotado okazis antaŭ du monatoj kaj ne estis refarita.

(1) Vidu la unuan liston en *Esperanto* de 20. Januaro.

## Esperantiaj Informoj

### El la Oficejo de Esperantio; Lastatempaj faritajoj.

Dum la jusa monato la Oficejo de U. E. A. plenumis la jenajn laborojn: Enregistrigo de balotiloj por reelekto de Del. Sendo de cirkulero-letero). Aperigo de nova Jarlibro. Preparo de Oficiala Bulteno. Preparo de projekto pri Esperantiaj entreprenoj (Komerco) kaj projekto de regularo pri informpetoj. Sendo de dokumentoj pri U. E. A. al diversaj gravaj internaciaj societoj.

Dum Januaro estis ricevitaj cirkaŭ 1.100 korespondaĵoj.

**Carcagente** (Hispan.). — Nia Asocio tie bone progresas. Ĉiuj servoj estas organizitaj kaj la diversaj konsuloj elektitaj.

**Davos** (Svis). — Vigla vivado komenciĝis tie por sportistoj kaj sportamantoj; okazos multo da konkursoj de Bob'veturadoj, skiekskursoj kaj glitadfestoj. La programo de la ĉefa festo sur la glitejo, la 29an kaj 30an de januaro, estas tre alloga; samtempe kun la glitveturadoj okazos la vetfigurajglitado por la ĉampioneco de l'mondo.

Jus aperis bela ilustrita Esperanta gvidfolio de Davos, sub la aŭspicioj de U. E. A., kiu estas tute mendinda kaj imitinda.

**Grenoble.** — La grupo de Grenoble sukcesis interesigi la lokan Iniciatan sindikaton al nia afero. Estas nun decidite eldoni gvidlibron de « Dauphiné » en esperanto.

Tiu venko, kiun ni ŝuldas al la helpo de U. E. A. estas tre grava, ĉar tiu sindikato la plej malnova kaj potenca en Francujo povas multe subteni nian propagandon.

La libro estos luksa kun kolorigitaj fotografaĵoj kaj eldonita ne malpli je 10.000 ekz., sed ni esperas kun la helpo de niaj komercistaj kaj industriistaj samideanoj duobligi eĉ triobligi tiun nombron. Ni, do, petas ke ĉiuj interesatoj sendu reklamojn rekte al: syndicat d'initiative. Grenoble (pagmalsupro: 10 Sm., faketo: 4 Sm.); laŭ peto, ĝi tuj sendos specimenojn.

Pro la bonega organizo de dissendado de tiu sindikato, kaj la miloj da fremduloj, kiuj ĉiujare sin turnas al ĝi, tia reklamo estos certe fruktoporta.

Ni esperas ke multaj volos ricevi profiton, helpante samtempe al kuraĝiginda entrepreno.

*Komunikita de la Del.*

**Hyères** (Franc.). — La tie Del. presigis afiŝetojn kun sia adreso, kiujn li alpendigis ĉe la hoteloj kaj diversaj firmoj. Tiookaze li sukcesis interesi du ĉefajn komercajn sindikatojn. Estas nun konsuloj por ĉiuj fakoj. Gvidfolio estas en presado.

**Le Creusot** (Franc.). — Dum la Ĝenerala kunveno de la Grupo, la 15an decembro, por festi la 50an datrevenon de nia Majstro, la delegito de U. E. A. faris paroladeton pri nia Asocio, kiu tre bone sukcesis ĉar ĉiuj Esperantiaj ĉeestantaj repagis sian kotizaĵon. Oni voĉdonis poste por elekti delegiton kaj vicdelegiton. S-roj Dejean kaj Forien estis elektitaj. La sekretario de la Grupo raportis ankaŭ pri la aranĝoj jam faritaj por la kongreso de la Burgonja Federacio (Esp. ia-entrepreno) kiu havos lokon en tiu ĉi urbo dum majo 1910. La Kongreso daŭros du tagojn: Sabaton posttagmeze oni vizitos la famajn fabrikejojn Schneider; vespere okazos granda koncerto sekvota de balo. Dimanĉon matene, la esp-istoj estos oficiale akceptataj de la urbestro. Poste, labora kunveno; tagmeze, granda festado. Post la festeno, teatra prezentado.

(Pro troa materialo ni estas devigataj prokrasti la reston de la *Esperantiaj Informoj* ĝis la proksima No. Niaj korespondantoj bonvolu nin senkulpigi).

## Esperantia Parolejo

### Pri financoj de U. E. A.

La plej grava problemo por la forta vivo de nia kara Asocio estas la financa bazo. Ĉiuj membroj de U. E. A. kaj precipe la Delegitoj tre bone komprenas ke la jara kotizaĵo da 0,36 Sm. kvankam ni estus pli ol 100.000 membroj, ne estus sufiĉa por doni al nia Asocio la kapablecon vivi prospera kaj serioze organizi siajn gravajn servojn. La donacoj de la bonfarintaj membroj povas multe helpi, kaj ni esperas ke la riĉuloj helpos plie al nia asocio, sed ni devas fari por ke nia asocio jun pli gravan. Ni devas montri ke ni konfidas al ĝia viveco, ke ni esperas al ĝia estonteco, kaj ke ni kreskas al ĝia graveco por la disvastigo de la celo de Esperantismo. Ni devas kaj ni povas ĝin fari.

Mi proponas ke la delegitoj kaj la plej sindonaj membroj de U. E. A. faru sin de nun dumvivaj membroj. La kotizaĵo (kiu povas estis pagota en du, tri, aŭ kvar jaroj) ne estus pli malgranda ol 50 Sm. Ĉiu dumviva membro rajtas dum tuta sia vivo unu ekzempleron almenaŭ po jaro de la oficiala jarlibro, la gazeton Esperanto, kaj ĉiujn membrajn rajtojn.

Ni devas pripensi al la bona organizado, al la forteco, kaj al la bonaj servoj starigitaj de kelkaj societoj kiel la Touring Club Français aŭ la « Touring Club Italiano ». Kelkaj miloj da dumvivaj membroj estas la precipa kaŭzo de ilia forto kaj bona organizado. Nia Asocio devas esti kaj devas fariĝi unu granda internacia turing-klubo, kaj devas aranĝi pli gravajn servojn por la membroj, k. t. p. Kun la malgranda nuna kotizaĵo sole ne estas eble ke ĉiuj servoj, ke la tuta organizado progresas kiel estus nia deziro.

Tial mi invitas la Komitaton de U. E. A. konkretigi la sumon kiun la dumvivaj membroj devus pagi (oni devas pripensi ke la gazeto devas en la estonteco aperi semajne, kaj la jarlibro fariĝos iom post iom pli granda) kaj malfermi la enskribon por la dumvivaj membroj.

Mi esperas ke ĉiuj delegitoj kaj multaj membroj aliĝos al mia propono, kaj tio ĉi estos la plej bona preparado por seriozaj laboroj en la proksima kongreso de U. E. A. en Ausburg.

A. Stromboli,
Del. en Genova.

La ĉi-supra interesa propono estos submetata al la ekzameno de la nun kreata Financa komisiono, kiu laŭ ĝi prezentos projekton. Ni dume plezure ricevus la opiniojn de niaj Del. kaj membroj pri tiu grava demando.

### Pri pagiloj de ne grandaj sumoj

Estimata Redaktoro,

Mi legis en no 67a de « Esperanto » la artikolon de S-ro H. F. Bailey.

La ideo de li priparolata ne estas efektivigebla.

La registaroj de ĉiuj Eŭropaj ŝtatoj malpermesas al privataj bankoj aŭ personoj la eldonon de banknotoj.

Banknotoj estas paperetoj vendataj de la ŝtataj bankoj kontraŭ kies redono la bankoj elpagas certan sumon per metalmoneroj.

La poŝtkartoj proponitaj de S-ro Bailey do estos kontraŭleĝaj en Svisujo same kiel en Britujo.

Pro tio ĉi kaŭzo la Ĉekbanto devis ĉesigi la eldonon de la konvencie uzataj ĉekmarkoj.

Ĉar la banko vendis ilin kaj ĉe la reveno sur ĝi ĉeko pagis certan fiksitan sumon, la ago de la banko estis punebla.

Mi poste intencis ĉirkaŭiri la leĝon farante el la markoj ĉeketojn tiratajn de mi persone por kaj pagotajn de la banko.

La ideo estas tute efektivigebla, sed, ho ve, ĉiu marko de 10 centimoj devis porti unupencan stampon laŭ la leĝaro pri ĉekinterŝanĝo.

Respektoplene via.

E. Ĉefeĉ.

# AL NIAJ LEGANTOJ

**Pro teknika preseja akcidento, nia felietono estas prokrastata ĝis la venonta numero.**

## Nia Plebiscito. — Al ĉiaj legantoj

Ni jam ricevis interesajn respondojn el niaj legantoj pri la plebiscito, kiun ni aranĝis, sed estas necese, ke ni havu ankoraŭ multajn respondojn por ke la enketo povu liveri veran utilon al la direkcio. Al ĉiu respondinto ni senpage sendos belan ekzempleron de la Busto de S-ro H. Hodler *La Verko de Zamenhof*, parolado farita okaze de la Zamenhofa Jubileo. Oni do rapidu respondi antaŭ la *20a de Februaro*.

# VARIETEA MONDO

### INFORMOJ

**Grava avizo.** — De post Februaro la liga oficejo translokiĝis de Bromberg, Neuer Markt 8, al Leipzig (Germanujo). La plej precizan adreson ni publikiĝos en la estonta No. Ĝis tiam oni sendu ĉiujn informojn al la ĝisnuna adreso: Bromberg, Neuer Markt 8.

AL LA ESPERANTISTARO

Bedaŭrinde la liga oficejo devas konstati, ke multege da delegitoj kaj grupoj en la pli grandaj urboj ankoraŭ ne respondis nian cirkuleron, dissenditan antaŭ kelke da semajnoj. Estas memkompreneble, ke per tiu prokrastado la tuta liga organizado suferas. Pro tio ni denove petegas, kiel plej baldaŭ plenumi nian deziron.

Laŭ decido de l'unua membra kunveno de 22-a de septembro 1909 oni aliĝos ĉiujn aktivajn membrojn al U. E. A. sen aparta kotizaĵo. La nunaj aktivaj membroj baldaŭ ricevos la membrokartojn de U. E. A., el Genevo.

LISTO DE KONSULOJ DE V. E. L.

Hodiaŭ ni komencas publikigi la nomojn kaj adresojn de niaj ligaj konsuloj. Ĉiujn interesemulojn ni petas, noti la nomojn. Post tutplena organizado la oficejo eldonos specialan liston de konsuloj.

AŬSTRUJO

*Bruenn* (Brno) Dominik Konečny, koernerstrato 17.

*Wien*, ĉefinĝeniero Hartwich, III, Rasumoffskigasse, 1.

BRITUJO

*London*, W. Clarence, L. Dean, Agent, 199, Picadilly.

FRANCUJO

*Bordeaux*, Ch. Brunet, 59, Cours Victor-Hugo.

GERMANUJO

*Aachen*, D-ro Rothschub, kuracisto, Komphausbadstr. 21.

*Berlin*, Inĝeniero G. Rauch, Am Tempelhofer Berge 21.

*Braunschweig*, Prokuroro Reinking, kl. Kampertr. 10.

*Breslau*, Siegmund Freund, Moritzstr. 50.

*Danzig*, Sinjorino Tuschinski, Mattenbuden 5/6.

*Dresden*, Diplominĝeniero k. v. Frenckell, Hauptstr., 38.

*Duesseldorf*, B. Luis, Kronenstr. 60.

*Gera*, R. E. Ulitzsch, instruisto, Schillerstr. 16-III.

*Gotha*, profesoro D-ro Rohrbach, Galbergsweg 6.

*Hannover*, Paul Gottgetreu, Rundestr. 13.

*Kassel*, Otto Sandrock, Schillerstr. 91.

*Koeln*, s. R., E. Diemer, Gutenbergstr. 1 I.

*Koenigsberg*, i. Pr., I. Schwaiger, Hochmeisterstr. 15.

*Leipzig*, Joh. Heyn, Thomasring, 6.

*Luebeck*, Instruisto S-ro Holldorff, Hansastr, 61.

*Magdeburg*, E. Stark, urba delegito, Kaiser Friedrichstr. 1.

*Muenchen*, S-ro Jodl, Adelgundenstr. 30.

*Nuernberg*, advokato D-ro R. Orthal, Kœnigstr. 15 I.

*Stuttgart*, Eugen Leyrer, lingva instruisto, Langestr. 44.

HOLANDUJO

*Haag*, H. J. Builthuis, Daguerrestraat, 5.

RUSUJO

*Moskvo*, Stanislas Sabunjević, Mjasnickaja dom de Keppen.

*Saratov*, Georg Davidoff, (nuntempe en Davos-Platz).

Rilate al nia malferma artikolo en la unua januara numero, ni denove atentigas, ke oni publikigos ĉiujn sciigojn en la gazetoj « Esperanto », organo de U. E. A. kaj en la « Germana Esperanto-Gazeto. » *Ni petas niajn membrojn, konsulojn kaj amikojn, aboni ĉi tiujn gazetojn, por ke ili ĉiam eksciu niajn sciigojn k. t. p.*

### PAROLEJO

**Al multe da demandantoj.** — Pro ligaj emblemoj, dezirataj de vi la liga oficejo jam interrilatis kun la konata firmo: Centra komercejo por Esperantujo en Leipzig. Pri ĉi-tiu afero ni informos niajn ligan ojn en la proksima numero.

Al demandantoj The E..., nuntempe en K., Danujo. Certe karaj samideanoj, nia artikolo pri Esperanto sur la varieta scenejo « nur rakontas veran okazintaĵon ». Se vi volas detale informi vin, turnu vin al S-ro K. Schwarz, nun en Bruselo (Belgujo) (Folies Bergères).

*La Oficejo.*

**Por konigi U. E. A. uzu la naciliṅgvajn propagandilojn** (france, germane, itale, hispane, ruse).

**Ĉiuj Esperantianoj repagu sian kotizaĵon por 1910.**

# ESPERANTO ĈE LA LABORISTOJ

Oni komunikas al ni la projekton de statuto de projektata *Internacia Laborista Asocio*, kiun ni ĉi-sube represas. Ĉiuj ekzistantaj laboristaj Esperantistaj grupoj, kuniĝoj, k. t. p. kiel ankaŭ ĉiuj privatuloj, kiujn interesas la dirita temo, estas insiste petataj postuli de la Iniciatantoj la specialan cirkuleron. Ĉiuj komunikaĵoj pri tio estu sendataj al S. Sosnowski, prov. sekretario, rue du Cheval-Blanc, 13, Genève (Svis.)

Provizora statuto de la Internacia Laborista Asocio (I. L. A.)

I. CELO

1. Sub la nomo Internacia Laborista Asocio (I. L. A.) estas fondita asocio, kies celo estas:

*a)* La disvastigado kaj la uzado de Esperanto inter la tutmonda laboristaro; *c)* la plifaciligo de rilatoj inter la diverslandaj laboristoj kaj la kreo de fortika ligilo de klasa solidareco inter ili; *b)* la esplorado de la ekonomiaj kaj sociaj demandoj rilataj al la pliboniĝo de la situacio de la laboristaro; *d)* la enradikigo de pure internacia sento inter la laboristoj.

2. Por tiuj-ĉi celoj, ĝi instigas paroladojn kaj kursojn ĉe la laboristaj organizaĵoj, celantaj la plenan liberiĝon de la proletariaro; ĝi kreas diversajn praktikajn servojn por reciproka helpado kaj utiligo al siaj membroj; ĝi instigos la aranĝon de Esperantaj paroladoj pri sociaj temoj, entreprenos aŭ subtenos la eldonadon de verkoj kaj gazeto speciale dediĉitaj al laboristaj demandoj, organizos laŭ sia povo internaciajn kunvenojn, k. t. p.

3. La sola lingvo de I. L. A. estas la lingvo internacia Esperanto de D-ro Zamenhof, tia kia ĝi estas difinita per sia verkaro.

II. ORGANIZO

4. La Asocio konsistas el Lokaj grupoj.

Ĉiu grupo, kiu deziras aliĝi al la Asocio, devas:

*a)* Konsisti el almenaŭ 10 personoj.

*b)* Sendi sian statuton al la komitato.

*c)* Pagi la kotizaĵojn difinitajn per tiu statuto.

*d)* Regule sendi la liston de siaj membroj al la komitato.

*e)* Klopodi por la organizo de la servoj organizataj de la Asocio.

La grupoj, kiuj aliĝinte la Asocion ne plu plenumus tiujn kondiĉojn, estos forstrekataj el la listo de la Asociaj grupoj.

5. Krom la supraj punktoj, la grupoj estas plene memstaraj rilate al sia organizo kaj loka agado.

6. Por siaj rilatoj kun la Asocio, ĉiu grupo balotas inter siaj membroj unu reprezentanton. Tiu reprezentanto havas la jenan taskon:

*a)* Li ricevas la komunikaĵojn de la Asocio kaj korespondas kun ĝi en la nomo de sia grupo laŭ la instrukcioj, ricevitaj de ĝi.

*c)* Li klopodas organizi per sia grupo la diversajn servojn, starigitajn de la Asocio; li speciale liveros informojn al la membroj pri servoj organizataj de sia loko.

*b)* Li regule sendas al la Asocio la kotizaĵojn de la membroj, difinitajn por la centra kaso kaj raporton pri la agado de la grupo.

7. La grupoj de sama regiono, aŭ membroj de sama profesio povas laŭvole federiĝi regione aŭ internacie por siaj specialaj interesoj, aŭ profesiaj.

8. En la lokoj, kie ne estas grupo, la laboristoj povas aliĝi rekte al la Asocio, kiel izolaj membroj.

9. Ĉiu grupo, kaj kie ne estas grupo, la Asocio, povas varbi aprobantajn membrojn aŭ societojn.

10. La kotizaĵo de la grupoj al la Asocio estas fiksata je 20 Sd. jare por ĉiu membro. La kotizaĵo de la izolaj membroj estas 80 Sd. La kotizaĵo de la aprobantoj estas minimume 2 Sm., el kiuj la duono estas por la loka grupo, se estas.

11. La societa jaro komenciĝas la 1an de Januaro. La kotizaĵoj por la centra kaso estas pagataj de la reprezentanto ĉiutrimestre.

KOMITATO

12. La administrado de la asociaj aferoj kaj servoj estas komisiata al la komitato.

13. La komitato konsistas el 7 personoj, inter kiuj ĝi elektas ĝeneralan sekretarion. La Komitato estas balotata de la membroj ĉiujare en decembro.

14. La Komitato efektivigas la decidojn de la membroj prizorgas la administradon de la Asocio. La ĝenerala sekretario plenumas la korespondadon, zorgas pri la kaso kaj reprezentas la komitaton en ekstero.

15. La kalkuloj de la kaso estas ĉiujare reviziataj de grupo lote elektita ĉe la kunveno.

16. Estas submetataj al la voĉdonado de la membroj de ĉiuj grupoj:

*a)* Ĉiuj ŝanĝoj en la regularo.

*b* Ĉiuj proponoj apartenantaj al la kompetenteco de la Asocio, kaj kiuj estas prezentitaj ĉu de la komitato, ĉu de la kunveno, ĉu de tri grupoj, ĉu de federacio. La voĉoj estas individue kalkulataj. La kontrolado de la voĉoj estas farata de la ĝenerala sekretario antaŭ 5 membroj.

17. La membroj de la Asocio kunvenas laŭeble ĉiujare en loko fiksita de la komitato: *a)* por aŭdi pri la stato de la Asocio, kaj ĝia agado dum la jaro; *b)* por ekzameni la proponojn, priparolotajn en § 16 kaj elmeti dezirespriman por ili, laŭ kiuj voĉdonos la grupoj.

18. La Asocio elektos oficialan organon por la enpreso de siaj raportoj; komunikoj k. t. p. kaj priparolado de demandoj rilataj al sia celo.

**Ĉiuj Esperantianoj uzu la Esperantiajn markojn vendatajn por la centra kaso.**

# GRAVA AVIZO

**Ĉar la monatoj februaro kaj marto estas la plej gravaj rilate al la reabonoj, ni insiste petas, ke ĉiuj personoj, kiuj ricevis de ni avizon pri finiĝo de sia reabono, ke ili bonvolu plej rapide sendi ĝin, por eviti al ni pluajn klopodojn. Personoj, kiuj ne deziras reaboni, resendu la jurnalon, kun la surskribo « rifuzita ».**

# Esperanto-Movado

En nia antaŭ lasta *Esperanto-Movado* ensoveĝis bedaŭrinda eraro. Ni diris tie, ke en Holando dum 1909a fondiĝis nur unu nova grupo. Ni volas korekti la eraron. Dum la lasta jaro tie fondiĝis 8 novaj grupoj. Ni esprimas nian dankon al F-ino Boon, Sek-ino de la Haga Esp. Klubo por ŝia afabla atentigo.

*Germana Esperantisto*, januaro 1910, N. 1. Por ebligi la presadon de plua materialo ne pli altigante la senkostojn kaj la abonprezon ŝanĝis la kovrilon por malplipezo. Ĝi estas praktika solvo kaj ni gratulas nian kunbatalanton. Certe ne la kovrilo, sed la enhavo estas grava! Ĝi aldonis kelkajn novajn rubrikojn. Pri la Movado en Germanujo ni legas:

Parolado estis faritaj en Augsburg S-ro Beideck; Breslaŭ S-ro D-ro Kandt; Doeblen C. Potschappel, S-ro Funk; Dresden, S-roj Praf; D-roj Lederer, Rohrbach, Scheffler kaj Schuberth, Essen; S-ro Hüttmann, Kassel, S-ro Jordon, Keln, Leipzig S-ro D-ro Dietterle, Leipzig S-roj Zimmermann, Dehning kaj Lummerzheim, Liegnitz S-ro D-ro Stolper kaj E. Schulz.

Kursoj estis malfermitaj en Bitterfeld, Charlottenburg, Essen, Keln, Leipzig, Leignitz, Lüneburg, Oels, Bad Reichenhall kaj Riesa.

Grupoj estis fonditaj en Chemnitz, Erlangen, Gœlitz, Kassel, Lübeck, Ober-Oderwitz.

*Belga Esperantisto*: januaro 1910, N. 3a.

Paroladoj estis farigitaj en Boom S-ro Clerbaut, Brugo, S-ro Witterijck.

Kursoj estis malfermitaj en Boom (2), Brugo, Gento (2), St. Mariaburg, Verviers (3).

Grupoj estis fonditaj en Boom kaj Verviers.

*La Ondo Esperantista*, decembro, N 11, 12.

Grupoj estis fonditaj en Kovno, Baku, Voronoĵ, Grozulj, Varsovio.

Kursoj estis malfermitaj en Varsovio, Vladivostok (2), Voronej (3), Ĥarkov, Serpuĥov.

Paroladoj estis faritaj en Moskvo. Prof. Brandt, Berdjansk S-ro Abramson.

En la sama gazeto ni legas: « El lonata en Moskvo rusa jurnalo: « Ĉirkaŭ la mondo » en estonta 1910 jaro enkondukas « esperantan fakon » kaj, kiel senpagan eldonon, donas al siaj geleganto j lernolibron de nia lingvo, kunmetitan de nia samideano V. N. Devjatnin. » Plie ni legas: « Moskva fervoja gazeto » en N 6 (dimanĉo la 13a de decembro) lokigis tre favoran avizon titolitan « Internacia komerco, industrio kaj Esperanto », en kio ĝi varmege rekomendas al ĉiuj komercistoj nian lingvon, kiel unikan rimedon por internacia komprenado kaj ankaŭ U. E. A. kun kies helpo ne sole ĉiu komercisto, sed eĉ ĉiu homo povas havi la plej diversajn rilatojn kun plej diversaj nacianoj de l'tuta mondo. La supronomita gazeto promesas en ĉiu numero presi sciigojn pri Esp.-Mov. »

*Svisa Espero*, januaro 1910, N. 1.

S-ro de Saussure faris 2 paroladojn en Château-d'Œx. El ĉi tiuj paroladoj rezultos nova kurso. Novaj grupoj estis fonditaj en Ĝenevo, Huttwill.

Kursoj estis malfermitaj en Chateau-d'Œx kaj Huttwill.

*Normanda Stelo*, januaro 1910, N 1.

Kursoj estis malfermitaj en Alençon, Le Havre (3), Rouen (6).

S-ro Cart faris paroladon en Argentan.

*Informaj raportoj*, januaro 1910, N 1a.

Paroladoj estis faritaj en Wien (5) de S-roj Y. Glück, J. Steinwendner, Skorepa, Gross kaj Radimiri; Fentschen.

Kursoj estis malfermitaj en Fentschen, Wien.

*Greklingva Esperantano*, septembro, oktobro, novembro 1909.

En Grekujo nia movado, kvankam malrapide kreskas. La politikaj okazintaĵoj ĝin malhelpas, sed niaj grekaj amikojtamen laboras kaj esperas fine venki. Bonsukceson ni deziru al niaj energiaj samideanoj.

De niaj korespondantoj ni ricevis jenajn informojn.

S-ro Abato Richardson skribas: « En Parizo ĝenerala organiza komitato sub la prezidanteco de la respektinda Parohestro de St. Gervais bone laboras por aranĝi la *katolikan kongreson*, ĝian programon, horaron, festojn kaj ekskursojn. La komitato konsistas el 14 membroj. Ĝi kunvenas ĉiusemajne. La kongreso havos 2 laborajn kunvenojn matene kaj 2 posttagmeze aŭ vespere. Por havigi la kongreskarton, kiu kostos fr 2.50 (1 Sm.) turnu al la honora kasistino baronino de Menil, 216, boulevard de Magenta, Paris. Kun la arta kongreskarto oni ricevos la belan insignon de la Kongreso. La Komitato per legeblo havas listón da tre komfortaj hoteloj kaj pensionoj proksime de la kongresejo « Institut Catholique » po la prezoj je 6, 7 kaj 8 frankoj por la ĉiutaga pensiono. La organiza komitato esperas, ke multaj katolikoj aliĝos al tiu interesa kongreso.

De S-roj Mariette el Clegner Francujo:

El *Lorient* alvenas eĥo, kiu diras al ni kiom estas vivema la freŝe fondita grupo de mallonge fondita.

Ĉe sia ĝenerala kunveno la departamenta komitato respublika de komerco kaj industrio aprobis la baldaŭan lernadon de Esperanto de ĉiuj naciaj lernejoj. Plie ĝi donacis 50 frankojn al Esp. Grupo de Loriento.

Saman aprobon esprimis lasta tempe la Clégner'a urbkonsilantaro, kiu ankaŭ donacis monhelpon da 100 frankoj. Dankon do al ĉiuj niaj aprobantoj. La ĉi-tiea samideanoj decidis propagandi dum la proksima balotado de la deputitoj.

*Provenca federacio*. — La unua kongreso de la Provenca Federacio okazis la 19 de decembro 1909 en Arles (Bouches-du-Rhône). De la oka ĝis la deka matene, interŝekve elvagonigas en la stacidomo, kie ili estas frate akceptataj de la Arlesaj grupanoj, la reprezentantoj de grupo de Avignon, Marseille, Aix, Toulon, Chateaurenard, Entressen, Orange, kaj Apt. Al ili kuniĝis S-ro Berlande, prezidanto de l'grupo de Villeneuve Saint-Georges, jus alvenita kaj alportanta al la juna Federacio la salutojn kaj bondezirojn de la Parizaj Esperantistoj.

Ili forlasas la stacidomon, kaj kun aerflugantaj flagoj, alvenas al la Arlesa kunvenejo por viziti la admirindan ekspozicion organizitan de la ĉi-tiea grupo. Tie efektive agrable surpriziĝas miras, eĉ miregas antaŭ la sennombraj ĉiunaciaj jurnaloj, poŝtkartoj kaj ĉiuspecaj amasigitaj esperantaĵoj. Tial la tutaj aplaŭdoj ne mankas al la tiel agema kaj sindonema Arlesa Prezidanto S-ro Laget. La ĉefa kunsido havis lokon en la urba teatro sub la prezido de S-ro de Castelian, prezidanto de la Provenca Federacio. En la komenco, oni entuziasme decidas sendi respektplenan adreson al nia Majstro Zamenhof, okaze de lia 50a datreveno. Poste multaj kaj interesaj demandoj estas diskutataj de la delegitoj de l'grupoj.

Entute, granda sukceso por nia unua kongreso.

*Usono.*

De S-ro D-ro Fessenden el Newton Centre (Usono).

Pro la Jus finita « 1915a » Ekspozicio en Boston, esperanta afero apud Boston multe reviviĝis. La tiea elmontrejo de la Boston Esperanto Society allogas grandan atenton kaj la rekta rezultato estas ke la societo pligrandiĝas kaj ke la antaŭaj anoj reinteresiĝis. Kun la helpo de S-ro Harrison U. E. A. s. d. (regiono de Everett), la simpatio de D-ro Lowell la klubprezidanto, granda la faroj, raporto pri U. E. A. de nia E. A. N. A. konsilanto S-ro Harris el Portland Maine, unu al niaj oficialaj delegitoj al la « Kvina », mi esperas ke antaŭ ol pasos multaj semajnoj la societo povas esti aliĝinta al U. E. A. ĝi amase aliĝos al U. E. A.

Antaŭ kelkaj tagoj la Bostona Societo luis ĉambron en unu el la gravaj konstruaĵoj trans la strato de la Publika Biblioteko. Tie estos la klubkunvenoj, kaj tie estas daŭra esperanta elmontrajo. Tiu ĉambro estos sub la zorgo de S-ro Matthew Amster, Ruso kiu antaŭ kelkaj semajnoj venis al ni el Chicago. Li estas bonega esperantisto fervora, kaj sukcesa. Oni prove luis la ĉambron dum decembro, sed estas nenia dubo ke la klubo daŭre ĝin havos.

*Nov.-Zelando.* — De S-ro Epstein el Invercargill (Nov.-Zelando):

Dum la printempo, oni kondukis du kursojn, unu por fraŭlinoj en la Teĥnika Lernejo, kaj la alia por sinjoroj en la K. U. Y. V. konstruaĵo.

Esperanto estas instruata ĉiutage en la Suda Lernejo. La prezidanto de la grupo, S-ro E. Webber, la ĉi-tiea U. E. A. del. Li ne nur instruas *pri* esp, sed ankaŭ *per* esp.; instruante en esp. pri aritmetiko, geografio k. t. p.

La sudlanda Esp. klubo festis sian ĉiujaran koncerton antaŭ kelkaj monatoj, la ĉeestantaj nombriĝis 60.

La lokaj jurnaloj ofte kaj regule enpresas artikolojn pri la progresado de nia lingvo kaj kelkaj komercistoj interesiĝis pri ĝi.

# BIBLIOGRAFIO

*Belga adresaro Esperantista* (1910), centra Esp. Belga Oficejo). Prezo 20 Sd. Eldonejo 20 vandelstr. Antwerpen. Enhavas 156 paĝojn, donas multajn informojn pri la movado en Belgujo. La profito de la vendado estas difinita por la Esp. Propagando en Belgujo. Estas aĉetebla ĉe la Esp. istoj subtenu ĝin.

*Sur la vojo al unu lingvo Internacia* de S-ro Th. Cart. kaj *La Renkonto* de F-ino M. Hankel, tradukita en Bulgara Lingvo de S-ro S. Krestanoff, Bulgara Esp. Biblioteko. N 2. Esp. Oficejo, Pleven, Prezo, 10 Sd.

*Esperanto kaj Ruĝa kruco*, de S-ro Leŭtenanto Bayol, tradukite ruse de S-ro A. Ergolski, Odessa. Aĉetebla en ĉiuj Esp. Librejoj. Prezo 60 sd.

La libro havas belan ŝajnon, enhavas sufiĉe grandan vortaron, krestomatiado kaj lernolibron.

S. S.

# REKLAMO

## TARIFO

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Unu paĝo* . . | $ 240 | *1/8 kolono* . | $ 5 |
| *Unu kolono* . | 40 | *1/16* — . | 2.50 |
| *1/2* — . | 20 | *1/24* — . | 1.75 |
| *1/4* — . | 10 | | |

*Rabato da 10 % por 3 reklamoj, 25 % por 12 reklamoj; 50 % por 24 reklamoj.*

*Nenia alia rabato aŭ prezo konsentata.*

Sin turni al la *Administrejo*, 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo) aŭ al la *ĝeneralaj agentoj :* G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris ;* Presejo de Esperanto, 15, rue Amiral-Roussin, *Dijon* (Francujo); C. kaj G. Browne, Wellington St., Strand, *London* (Anglujo); Germana Esperanto-Librejo, Rathausstr, *Leipzig* (Germanujo); Traduka Oficejo, 6 Schleinitzstr, *Bromberg* (Germanujo); Librejo Saĥarof, Tverskaja 29, *Moskvo* (Rusujo).

**ESPERANTO** *estas la plej bona internacia reklamilo por ĉiuj komercistoj, industriistoj financistoj, aferistoj,*
*Ĉar ĝi estas la plej legata el ĉiuj Esperantaj gazetoj,*
*Ĉar ĝi havas legantojn en 44 landoj de l'terglobo,*
*Ĉar ĝi estas la oficiala organo de U. E. A. kaj estas uzata de ĉiuj Delegitoj, Konsuloj, Esperanto-Oficejoj.*
*Ĉar ĝi estas gazeto, kiun oni zorge konservas, kies ĉiun numeron legas ne unu persono, sed multaj, ĉe la kursoj, grupoj, k. a.*

*AVIZO. — La Administrejo serĉas en ĉiuj lokoj bonajn reklamo-makleristojn. Oni sin turnu al ĝi pri la kondiĉoj kaj pluaj informoj.*

# ANONCETOJ

## TARIFO

Korespondado. — *Unu enskribiĝo $ 0.30 (fr. 0.75).*

PI = *poŝtkartoj ilustritaj ;* L = *leteroj ;* PM = *poŝtmarkoj.*

Petoj & proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj : $ 0.15 (fr. 0.40).*

*Por ĉiuj annoncetoj, rabato da 10 % por 3 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj, 50 % por 24 enpresoj.*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulilian anonceton senpage.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata, antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

## Korespondado

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, 149, rue du Moulin-à-Vapeur. PI.

Zürich (Svisujo). — S-ro Fr. Morf, Bleicherweg, 20. PI. PM.

Kostroma (Rusujo). — F-ino L. Sidorov, str. Marijinska, domo de Ĥmonin (pri la edziĝa virina demando kaj literaturo).

Karlstad (Svedujo). — S-ro C.-A. Landin, Laionerhet. PI. — S-ro Knut Hallgren, Larovorket. PI.

Dresden (Germanujo). — S-ro W. Gross, Dresden, 30. PI. L.

Nazli (Azia Turkujo). — S-ro Sidki, Direktoro Poŝt. kaj Telegrafoj.

Paris (Francujo). — S-ro Louis de la Berthellière, 84, rue de Cléry (ĉiam respondos).

M. Ostrau (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Palkovsky. PI. PM.

Saint-Veit a/Goelsen (Malalta Aŭstrio). — S-ro K. Steizenberger. PI. L.

Peterburgo (Rusujo). — S-ro S. Vlasov, str. Predtečenskaja, 35. PI.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Miguel Guitart, calle Mariano Agiulo, 67, piso 1. PI.

Chalon-s-Saone (Francujo). — S-ro Buisson, 21, avenue Boucicaut. PI. PM. L.

Obereinsiedel (Aŭstrio, Bohem). — S-ro Bruno Gerber.

Amsterdam (Holando). — S-ro K. Groen, Javastraat, 54.

Youngston (Usono, Ohio). — S-ro C. C. Jett kaj S-ro Wm Heiberg, ĉe Republic I & S. Co.

Pecka (Aŭstrio, Bohem.). — S-ro Antonio Sturm, fabrikoficisto. P. I.

Cherbourg (Francujo, Manche). — S-ro R. Lepeuple, 1, place du Château, PI. (marko sur bildo). — PI. aŭ Letere kun tajloroj pri metio.

Barcelono (Hispanujo). — Grupo Stelo, Sro Font Perxes, str. Unio 6, pral. PI.

Milano (Italujo). — S-ro E. Castoldi, viale Volta, 8 (pri teatraj aferoj).

Parc-Saint-Maur (Francujo). — S-ro Vanderrielle, 56, rue du Petit-Bois, PI. (kun ne francoj).

## Petoj kaj Proponoj

**Korespondo.** — S-ro E. Gabert, 10, rue Claude-Delaroa, Saint-Etienne (Francujo) deziras interŝanĝi PI., montrantajn interesajn preĝejojn aŭ monaĥejojn ; ĉiam respondos per belaj PI.

FOTOGRAFANTO deziras interŝanĝi fotografaĵojn, interesajn por la propagando de Esperanto, PK. de grupoj, k. t. p. Oni turnu sin al la adreso : C. D. Baxandall, F. B., E. A., 23, Portland St., Lancaster (Anglujo).

PROPAGANDO ORTOLOGA. — Estingado de la paŭperismo (malriĉegeco) mentala kaj materiala per la rimedo de la *Universitato Ortologa* kaj *Sociokrataj Burĝoj*. Ĉiuj, kiuj aspiras al la solvo de la granda problemo de l'homaro, estas invitataj sin konigi. Turnu vin al Magnus Sœndahl, Rua do Hospicio 240 (1o andar), *Rio-de-Janeiro* (Brazilujo).

AŬTOMOBIL-KONDUKISTO, singardema, serĉas en Svisujo okupadon por la venonta somero. Sin turni al Ed. Govces, rue Violet, 17, Paris.

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr. : Sro Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges* par *Lausanne* (Svisujo).

**Financoj.** — Personoj dezirantaj deponi siajn kapitalojn kun plena garantio en Rusujo por 8 % jare, volu sin turni laŭ adreso : S-ro Vladimir Krajev, Tchernajevkaja, 14, *Tachkent* Sir Dariinskoj oblasti, Rusujo.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Geneva Lago ; belega vidaĵo ; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : Fno A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

ESPER-ISTA STUDENTO dez. koresp. per PI. kun samideanoj en Holando, Sved., Dan., Rus., Ital., Hispan., Portugalujo. Akurate respondos. Queen's Rd Evĝ. Centre (L. C. C.), Dalston, London, N. E. (Anglujo).

RIPREZENTANTO de fabriko, tre konata ĉe la firmoj (artikloj por tajloroj) deziras alian riprezentadon, escepte por veluroj kaj silkaĵoj. Sin turni al Sro Gillet, 4, rue des Petits-Champs, *Paris*.

POŜTKARTO-REVENDANTOJN serĉas Eldonejo Esperanto, Germanujo : Leipzig, Langestr. 27.

STUDENTO internacia organo de studentoj kun stenografia aldono AORO. Jara abono 1 Sm., specimeno por respondkupono. Redakcio kaj administracio : Praha. II 516. Ječnâ ul. 24.

MANĜAĴOJ. — Pri malmulte konataj alilandaj naciaj manĝaĵoj korespondas kaj por ĉiu priskribo resendos kuiristan recepton de pola aŭ rusa manĝaĵo. S-ino K. V. Hejn Mistveida i. S. Weberstr. N 3.

OFERADO AL ESPERANTIANOJ. — S-ro D. M. Kaničar, Del. U. E. A., en *Osijeck*, Strossmayera 71. Kroatujo proponas senpagan loĝejon kun matenmanĝo al kiu ajn landa Esperantiano travojaĝonta Osijekon.

GAZETOJ. — Serĉas po n-ro de « La Pioniro » (Hindujo), The American Esperanto Journal ». « Stelo Kataluna », « Lumturo » (Meriko) « Idealo », « La Algeria Stelo », « Ĉentra, Ameriko, Esperantista », « Ĉilo Esperantista », « Norda Gazeto » (Francujo), « Kolombia Stelo », « Kuba Stelo », « Meksika Revuo » *por mia ekspozici-kolektaro* kaj petas prezproponojn ; volonte korespondas esperante. S-ro B. Kuester, Goerlitz, Germanujo.

## Komercaj reklamoj

### TRA LA FILATELIO

Internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtmarkoj & poŝtkartoj. Jare : En Francujo 2 fr. 10, 0.80 $. En ceteraj landoj 2 fr. 50, 1 $, ĉe S-ro Fize, au Pastissou, Béziers (Francujo).

**Ekspeda firmo.** — Firmo Krook & Person, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**Komerçaĵoj.** — Sro A. Rowlands (Box 183, Invercargill, New-Zeland) deziras koresp. pri komercaĵoj revendeblaj en la Anglaj Kolonioj kaj pri la produktaĵoj de Nov-Zelando.

**Silkaj esperantaĵoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., rue de la Loire, 41, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 0 fr. 30 (0.12 $) poŝtm. aŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustritan prezaron.

BARCELONA KONGRESO. — 14 belegaj gravuraĵoj de la Kongreso Barcelona nur $ 0.55. Eldonejo Esperanto, Germanujo : Leipzig, Langestr. 27.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ. — Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Germanujo ; Leipzig, Langestr. 27.

### TRE MALNOVA KAJ GRAVA

*FIRMO de VINOJ, LIKVOROJ KAJ SPECIALAĴOJ*

en **DIĴONO** *Côte-d'Or* (*Francujo*) **deziras agentojn**, seriozajn, agemajn, kun bonaj referencoj.

*Tre favoraj kondiĉoj*

Oni skribas Esperante. Sin turnu al Sro J. Moron, Delegito U. E. A., *Agencourt*, apud *Nuits* (Côte-d'Or, Francujo).

*La Administranto (Gérant) : DUVAL*

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

MARQUE SYNDICALE

**Interesega apero en la esperanta literaturo !**

*GRAVEGA POR LA KOMERCISTARO !*

## DUOBLA LIBROTENADO « MONDSISTEMO »

de E. WUCHER

Prezo : **1,25** Sm. neafrankita. Havebla de Bigalke & Mohwinkel, Schleintzsti. 6, *Bromberg* (German.).

## ĈASOPIS ĈESKÝCH ESPERANTISTŮ

Kun literatura aldono « *Legolibro de Bohemaj Esperantistoj* » oficiala monata organo de bohemaj Esperantistoj kaj de centra asocio.

**Bohema Unio Esperantista** *(B. U. E.)*, kiu unuigas tiutempe *43 societojn*. Ĉiu numero de tiu ĉi revuo enhavas po 20 paĝoj da plej bona teksto : artikoloj originalaj kaj tradukitaj, parto oficiala, esperanta movado en fremdlando kaj inter Bohemoj, bibliografio, adresaro de korespondantoj, k. t. p.

Jara abonpago : 3 kronoj ($ 1.50) Red. kaj Adm. : Praha II, 2023, *Ed. Kühnl*.

(Rabato por Societoj).

## HOTELO LOUIS-LE-GRAND

*2, rue Louis-Le-Grand, Paris.*

En belega loko, inter la Rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj Prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

### AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (60 no j), afrankite 2.50 $.

Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

## Por la Higieno de l'tualeto

(lavaĵoj, higieno de l'buŝo, la haŭto, lavado de suĉinfanoj, intima higieno)

Oni nepre rekomendas

COALTAR SAPONINE LEBEUF

BAYONNE (Francujo)

Kiun ĝiaj antisepcaj, deterŝivaj kaj cikatrigaj propraĵoj akceptigis ĉe la Parizaj Hospitaloj.

*En la apotekejoj — Atentu la imitaĵojn*

### Liverantoj de Mustardo kaj Amelo al la Reĝo

Laŭ privilegio

**J. & J. COLMAN**

(Akcia Societo)

Manufakturistoj de

**MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO**

KAJ

**BRITA RIZFARUNO**

*108, CANNON STREET, LONDON kaj CARROWWORKS, NORWICH* (Anglolando)

**Granda Marko « Ville de Paris »**

## INKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

**Jules MIETTE**

102, Rue Amelot, PARIS-XI

3.000 membroj en FREMDAJ LANDOJ

*Jara Kotizaĵo* 2 dolaroj (4 $)

Membroj havas la jenajn profitojn : Ricevi informojn el ĉiuj landoj. Konatiĝi antaŭ ol forveturi eksterlanden

**CHARTERED A.-D. - 1900**

| | |
|---|---|
| **Sinjorinoj Sinjoroj** estas akceptataj por membreco. Prospektoj kontraŭ afrankpago (*senpage al la skeptikuloj*). Adresu leterojn kaj monon al **Sekretario de C. C. C.** | Korespondi en fremdaj lingvoj. Interŝanĝi revuojn, poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotografaĵojon, plantaĵojn insektojn, k. t. p. |

**Milwauke, Wisconsin, U. E. A.**

**Vojo por aliĝi.** — 1. Skribu vian nomon kaj adreson (legeble) kun unu aŭ pluraj referencoj. — 2. Skribu la lingvojn, kiujn vi komprenas. — 3 Konigu la temon pri kiu vi deziras korespondi. — 4. Sendu la kotizaĵon (4 $) per ĉeko aŭ poŝtmandato. Via nomo estos enskribata kaj vi ricevos ĉiujn paperojn kaj ekz. de *Globe Trotter* kun la plena listo de l'membroj.

## LA SVEDAJ RAZILOJ ESTAS LA PLEJ BONAJ EN LA TUTA MONDO !!

*Garantiitaj po 2, 3, 4, 5 Kronoj skand.*

Por 4 Kronoj ($ 2,20) vi ricevos razilon kun sendanĝera aparato. Dank' al ĝi oni sin ne tranĉas kiam oni sin razas.

*Komercistoj kaj agentoj kun bonegaj referencoj estas dezirataj. Bona rabato*

Kontraŭ 0.12 $ oni ricevas ilustritan prezaron france, angle, germane kaj svede.

Oni sin turnu al.

**John Bylinder, Hedemora** (Svedujo)

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **Heilanstalt-Kuracejo** por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

| **Sekcio por lumkuracado** | **Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj** |
|---|---|
| Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p. **Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen** | Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p. **La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim** |

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : **Dr. BREIGER**

LA ĈAPELPINGLOJ POR SINJORINOJ ESPERANTISTAJ

Estas aĉeteblaj ĉe Sinjoro E. GABERT 10, Rue Claude-Delaroa, 10 SAINT-ETIENNE (Loire) FRANCE

ONI PAGU POSTMANDATE

Prezo : Franc. 0.60 $ (fr. 1,50), alilande : 0.66 $ (fr. 1,66) afrankite

SPECIALAJ PREZOJ POR LA VENDO POGRANDE

## HÜTTIG-KRUGENËR Wünsche -- Zeiss

**KAMEROJN** liveras nun

# « J. C. A. »

FABRIK-MARKO

**Aktien-Gesellschaft, Dresden.** — *Unuigo de la ĉi-supraj firmoj*

Akcia Kapitalo : 3.000.000

**La lastaj Katalogoj valoradas**

ĴUS APERIS LA IV.a Eldono de la Jarlibro de U. E. A.

PRESEJAJ LITEROJ MAYEUR — PARIS

## ALLAINGUILLAUME, J. SALING & Cie

GRAVUR-FONDISTOJ — POSTEULOJ

21, RUE DU MONTPARNASSE

ĈIUSPECAJ LITEROJ KAJ VINIETOJ

Specialaĵo de SUPERLITERAJ SIGNOJ

Liverantoj de ĉiuj Esperantaj literoj kaj supersignoj uzataj ĉe la presejo de U. E. A. por la kompostado de Esperanto kaj ĉiuj Esperantaj presaĵoj.

| ROMANA | TIPOJ DIDOT | ITALIKA |
|---|---|---|
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 7 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 8 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 9 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 10 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |

$ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $

EGIPTA KORPO 8 No 406

ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ ◆ Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ

Mendu Kolekton de GVIDFOLIOJ DE U. E. A. 25 sd.

## La plej bona akriga MAŜINO de TRANĈILOJ « PIPIFAX »

Ne manku en ia domo ! Ĝi tuj akregigas Ĉiujn tranĉilojn — Simpla — Manuzebla — Praktika

Havebla de la solaj fabrikantoj GUHL & HARBECK (Esperantia Entrepreno), HAMBURG, 35 S.

## 50 Jara sukceso! OSIJEKA VIZAĜPOMADO KAJ OSIJEKA SALVATOR-SAPO

*forigas ŝprucmakulojn, kaj ĉian malpurajon de l'vizaĝo*

Malfalsa sole nur en la Salvator apoteko

## J.-C. DIENEŠ, OSIJEK (Essegg) (Kroatujo)

1 vazeto da osijeka vizaĝpomado kostas po 70 heleroj kaj po 1 Krono (1 Krono = 100 h. = 42 spesdekoj) ; 1 peco da Salvator-sapo 1 K. Unu vazeto da manŝmiraĵo 1 K. 20 h. Lyona pudro, malgranda skatolo 1 K. granda skatolo 2 K. Tiuj ĉi rimedoj ne havas domaĝajn konsistaĵojn kaj tutege respondas al la regularo de la alta registaro.

KIAL ESTAS UZOTA NUR

## « MIRANDA-KREMO » ?

Ĉar *Miranda*-Kremo estas perfekte nedomaĝa, ĉar per « **Miranda-Kremo** » **oni atingas idealan belecon**, ĉar *Miranda*-Kremo forigas ĉian malpuraĵon de la haŭto, ĉar *Miranda*-Kremo ne nur **plibeligas**, sed ankaŭ **junigas**. Unu vazeto da « **Miranda** » **Kremo** kostas 1 K. Unu skatolo da « **Miranda-pudro** » (trikolora) 1 K. unu peco da « **Miranda** » **sapo** 70 h.

Ricevebla ĉe la produktanto **J.-C. DIENEŜ**, post Osijek, supera urbo, de kie mendoj per poŝtpaĝo tuj efektiviĝas

## Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Suisse)*

Vendas ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. kaj ĉiujn Esperantaĵojn (propagandiloj, lernolibroj, literaturajn kaj sciencajn, verkojn, k. t. p.).

**Oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. :**
rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Deligitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,30 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 15 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,75 Sm.

*Oficialaj kovertoj*. Prezo, 100 ekz : 0,60 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj*. Prezo, 100 ekz. : 0,75 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Kolekto po $ 0.25.

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

PROPAGANDAJ BROŜUROJ EN NACIAJ LINGVOJ :

*Universala Esperanto-Asocio*. Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana, rusa* kaj *itala*. Eldonoj angla, kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda*.

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Universala Esperantia Librejo**, 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo), Tamen, nacilingvaj propagandaj broŝuroj estas ankaŭ riceveblaj jenaj el la adresoj :

Dro M. KANDT, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germana).
P. LINARES, Santo-Basilio, *Cordoba* (Hispana).
A. TELLINI, Vallescura, 11, *Bologna* (Itala).
S. SZABUNIEWICZ, Mjasnickaja, d. Zimin, *Moskva* (Rusa).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.